# esperanto

aprilo 1994
87-a jaro
n-ro 1058 (4)



Universala Esperanto-Asocio (en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

ISSN 0014-0635






Fondi talenton sur eduko

# Enhavo



## Vi trovos

okulfrapa la kvanton de hungaroj ĉi-numere: jen György Nanovfszky, ambasadoro en Moskvo (p. 61), jen Andrea Csőke, bebo en Jugoslavio (p. 62), kaj jen dek du infanoj, veraj lern*ist*oj en Budaörs (p. 65) . . . Pardonu tiun koincidan hungarozon: ne temas pri aprila ŝerco (tiun vi trovos sur p. 79.)

La gvidfadeno tra la numero estas *infanoj kaj eduko*. Imagu denaskan e-iston kiel Andrea, al kiu la gepatroj vespere legas *Winnie-la-Pu* (p. 76), kies talenton infanaĝe flegas lernejo kiel la Budaörs-a, kaj kies lingvoscion poste atestas UEA/ILEI-ekzameno (p. 64), dum li staĝas en la jubileanta Kultura Centro E-ista (p. 67) . . . Ĉu utopia vojiro intelekta? Ja ne ĉiu povas vojaĝi al Svislando . . . Jes. Sed Esperanto estas kulturo kun unika altirforto, partoprenebla eĉ en tuta izolo. Se vi ĝin adoptis, vi ĝin adeptos.

*La kovrilo:* Talento-lernantoj prezentas france teatraĵon (supre) kaj renkontas svisajn infanojn en La Chaux-de-Fonds (sube; la plenkreskuloj estas, de maldekstre, Abdelhakim Lotfi, Blazio Vaha kaj Claude Gacond). Fotis György Sturmann.


**esperanto**

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio (en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Eksterakovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.
**Telefakso:** (010) 436 17 51.
**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.
**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).
**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.
**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

*Intervjuo kun György Nanovfsky:*

# En ĉiu mia intervjuo mi mencias Esperanton

**Jam pli ol dudek monatojn la rusiaj esperantistoj havas sian homon sur la politika Olimpo de la lando, kies intervjuoj aperas en la gazetaro, kiun oni ofte vidas en televido. Kaj ankaŭ en la Moskvaj E-kluboj, ĉar li ne nur bonege parolas en Esperanto, sed ankaŭ opinias sin movadano. En februaro 1994 Andrej Ananjin kaj Miĥail Ĉertilov intervjuis la ambasadoron de Hungario en la Rusia Federacio, Kartvelio kaj Armenio: György Nanovfszky.**

*Luksa konstruaĵo en Moskvo, blanka marmoro, afablaj kunlaborantoj, larĝa ambasadora kabineto – kaj jen sinjoro Nanovfszky, la hungara ambasadoro kaj samideano. Eksidinte en molaj foteloj, ni komencas la interparolon. Li parolas "politikiste": rapide kaj elokvente, kaj por ni restas nur fiksi la vortojn.*

*Kion vi opinias pri lingva egalrajteco en la mondo kaj aparte en la eks-sovetiaj landoj?*

Oni batalas por egalrajteco ekde la franca revolucio, sed ĝis nun ĝi ne ekzistas, aŭ ekzistas nur parte. Ankaŭ en la kampo de lingvoj estas sama situacio. En ĉiu epoko iuj lingvoj estas pli disvastigitaj, pli uzataj ol aliaj.

Nun oni rigardas la Unuiĝintajn Naciojn kiel la internacian organizaĵon kies lingvoj estas la t.n. mondlingvoj: la angla, franca, rusa, hispana, ĉina kaj araba. Tamen en la praktiko eĉ tiuj ses lingvoj ne estas egalaj ĉe UN – mi kiel iama UN-funkciulo tion bone vidis –, ne estas samnivele kaj samkvalite uzataj. Fakte, en la ĉiutaga vivo la angla estas "la plej egala inter la egalaj".



*György Nanovfszky*

En Sovetio la oficiala lingvo estis la rusa. Ĝi funkciis kiel Esperanto por la multnombraj popoloj. Oni devige instruis ĝin en la lernejoj. Nun la situacio ŝanĝiĝis, sed ekonomie kaj en multaj aspektoj USSR daŭre ekzistas. Mi prognozas ke ankoraŭ dum pluraj jaroj en la Komunumo de Sendependaj Ŝtatoj la rusa restos la ilo de internacia komunikado kaj certagrade internacia helplingvo.

Egalrajteco en la lingvouzo neniam ekzistos, ĉar ĝi ne povas ekzisti. Mi mem apogas la belan kaj bonan strebon ke internacia, neŭtrala lingvo estu la dua lingvo de la tuta mondo. Pli noblan ideon estas eĉ malfacile imagi. Tamen ĝis nun en la praktiko la ideo ne ricevis subtenon. Kial ne? Ĉar por fari iun lingvon mondlingvo postulatas multe da mono kaj povo.

## El la biografio de György Nanovfszky

**Oficiale:** "... naskiĝis la 10-an de aprilo 1942.... Vieno, ... Parizo, ... Ĝenevo, ... Budapeŝto. ... De la 18-a de majo 1992 – Plenpotenca kaj Plenrajta Ambasadoro de la Hungara Respubliko en la Rusia Federacio. ... Parolas la anglan, rusan, francan, polan, Esperantan, indonezian ..."

**Esperantiste:** "Kiel deksesjara mezlerneja studento, en 1958 mi sukcese trapasis ekzamenon por diplomo 'A' en Gyopárosfürdő, dum la Sepa Hungarlanda Esperanto-Renkontiĝo ...

Mi fariĝis membro de la klubo 'Konkordo' kaj samtempe vizitadis kunvenojn ĉe la fervojistoj kaj la poŝtistoj. Fine de la 50-aj estis tre kutime viziti plurajn kunvenojn, kaj ne mi sola aktivis en kelkaj kluboj ...

Dank' al la kluboj mi havis la ŝancon interkonatiĝi, kunvenadi kaj eĉ kunlaboradi kun tiaj klubanoj kiel Julio Baghy, Kolomano Kalocsay, Alfonso Pechan, Paŭlo Balkányi ...

Dum miaj universitataj studjaroj (1963-68) kiel 'malnova esperantisto' mi aktive partoprenis la laboron de la moskvaj e-istoj ... Dum la jaroj en Moskvo mi ofte vojaĝis en la lando kaj ĉiam varme rememoras la renkontiĝojn kun la lokaj e-istoj en Tallinn, Tbiliso, Irkutsk, Taŝkent ... En Ĝenevo, dum kunveno de la Ĝenevaj e-istoj en 'La Stelo' mi renkontiĝis kun Giorgio Silfer, la senlaca motoro de Kooperativo de Literatura Foiro. Frekventante la altnivelajn aranĝojn de LF-Koop, organizatajn de Silfer kaj lia edzino Perla Martinelli, mi pli kaj pli volonte partoprenadis ilian agadon kaj en Svislando kaj eksterlande ... [Li estis en 1984-86 ĉefredaktoro de *Planlingvistiko*, de LF-Koop, kaj estas ekde ties ĉeso interlingvistika redaktoro de Literatura Foiro.]

Ekde 1984, kiel funkciulon de UN kaj aktivan e-iston, la Centra Oficejo nomumis min la reprezentanto de UEA ĉe UN en Ĝenevo ... Mi estigis E-kontaktojn dum miaj oftaj oficvojaĝoj en Afriko, Azio, Mez-Oriento kaj Sud-Ameriko ..."

Jen ekzemplo: En UN ĝis la 70-aj jaroj estis nur kvin lingvoj oficialaj. Sed en 1973 la araboj diris ke certe ankaŭ la araba devas esti oficiala, kaj la petrolproduktantaj landoj pagis multe da miliardoj da dolaroj por ke UN akceptu la araban kiel oficialan lingvon. La simplaj teknikaj kondiĉoj postulis tiajn sumojn: oni devis dungi kompetentajn arabistojn, provizi arabajn skribmaŝinojn kaj multajn aliajn aferojn.

Mi dubas ĉu esperantistoj estas finance tiom fortaj ke ili povu lanĉi similan agadon. Kiel idealisto, certe mi apogas E-on, sed kiel praktikisto, mi vidas ke E-o ankoraŭ estas malproksima de egalrajteco kun aliaj lingvoj. Mi mem faras ĉion eblan — en ĉiu mia intervjuo mi mencias Esperanton. En Usono, en Rusio, eĉ en Kartvelio, kiam mi prezentis mian akreditan leteron, ĉiam en la gazetoj oni skribis ke mi parolas Esperanton. Foje oni proponis: "Ni provos trovi por vi esperantiston por interpretado"; tre kortuŝe, sed tamen fine ni uzis la rusan por interparoli.

*Ĉu diplomatoj eks-sovetiaj neniam proponis al vi interparoli angle?*

Okazis al mi dufoje en KŜŜ-landoj ke mia partnero insistis ne paroli ruse. Li parolis la propran lingvon kaj uzis interpretistojn. Tio tute simple estis gesto: la partnero volis montri ke, kvankam li parolas ruse eĉ sen akcento, li uzas la nacian lingvon en oficiala traktado kun eksterlandanoj. Por mi en tiu ĉi situacio la rusa estis kvazaŭ Esperanto. La partnero aŭskultis sen interpretado kaj respondis nacilingve. Mi ne volas nomi tiun politikiston, mi nur diru ke tio okazis en Trans-Kaŭkazio.

*Ĉu iam iu ŝtatestro demandis vin pri Esperanto?*

Tute kutime, kvankam mi neniam akre propagandis E-on, neniam mi insistadis ke la tuta mondo parolu ĝin. Tion mi neniam faras, ĉar estas du vojoj de propagando — la rekta kaj nerekta, kaj mi preferas la nerektan. Se vi per via sinteno, agado, povas montri ke Esperanto estas utila kaj uzata, tiam vi pli konvinkas ol se vi rekte diras: "Fariĝu esperantisto."

*Ĉu Jelcin demandis vin iam pri Esperanto?*

Mi de tempo al tempo renkontiĝas kun li, foje pasigas tutajn tagojn, kiam ekzemple li estis en ŝtatvizito al Hungario . . . Ni multe parolis, sed ne pri Esperanto.

*En la moderna E-movado aperas iniciatoj por partoprenigi e-istojn en la politiko, ekz. la Radikala Partio, aŭ la iniciato pri Ago-Tago. Kion vi opinias, kiel profesia politikisto?*

Propagando kaj politiko ekzistas por atingi certan celon. Se vi atingis la celon, praktike estas egale per kiuj rimedoj vi tion faris — se la rimedoj estis decaj. Se en iuj cirkonstancoj la Ago-Tago estas la plej taŭga maniero por veki intereson ĉe la amaskomunikiloj, ĉe la homoj — tiam la Ago-Tago estas bona. Eble ne ĉiam tio estas la plej efika. Mi mem neniam partoprenis ian manifestacion, portante sloganon "Lernu Esperanton!" — mi preferas aliajn rimedojn.

*Ĉu vi ne kredas ke esperantistoj, se ili politikumas, kontraŭas al la neŭtraleco de la movado?*

Neŭtraleco, sendependeco k.s. estas idealaj nocioj, kies ekziston estas tre malfacile prizorgi. Ĉu vi estas sendependa? Certe vi estas dependa — de via familio, de vivkondiĉoj, financoj . . . Same pri neŭtraleco: vi povas esti neŭtrala en politiko ĝis la momento kiam estas tuŝitaj viaj propraj interesoj. Ekde tiam vi ne plu estas neŭtrala. Multo dependas de la celoj. Ĉu martelo estas danĝera? Ne — martelo estas bona ilo, kiam vi volas frapi najlon. Sed ne se vi volas murdi vian najbaron per ĝi. Esperanto estas neŭtrala, sed tio dependas de la celoj por kiuj vi ĝin uzas. La ideo de Esperanto neniam estis naciisma, ĉiam internaciisma.

*Kiel oni agu por Esperanto el via profesia vidpunkto? Ĉu de malsupre? Aŭ ĉu oni strebu ke en la movado membru gravaj personoj, kiuj el la alteco de sia socia pozicio propagandus Esperanton?*

Se mi estus ŝtatestro aŭ Ĝenerala Sekretario de UN, mi certe ĉie kaj ĉiam dirus ke mi estas esperantisto. Nun, kiam mi estas ambasadoro, mi ĉiam diras ke mi estas esperantisto kaj uzas Esperanton. Ankaŭ kiel György Nanovfszky, ordinara civitano, mi povas diri la samon, sed ju pli alta vi estas en la socio, des pli vaste oni vian voĉon aŭdas.

**intervjuis Andrej Ananjin kaj Miĥail Ĉertilov**

Dudek gravedaj esperantistinoj serĉitaj, unu trovita — tiel sonus tro malica enkonduko al la sekva, pasiige interesa artikolo de Renato Corsetti, kiu jam de pluraj jaroj esploras infanan plurlingvecon. (Ĉe UEA ĵus aperis lia broŝuro *Denaska dulingveco.*)

Esperanton oni povas rigardi el pluraj vidpunktoj kaj enklasigi laŭ tre malsamaj kriterioj. Por pacistoj ĝi estas la lingvo de paco, por interlingvistoj ĝi estas aposteriore skemisma lingvo, por kelkaj ĝi estas aglutina lingvo, por aliaj ĝi ne estas aglutina sed simple la plej regula inter la hindeŭropaj lingvoj, ktp. Unu el la manieroj rigardi ĝin estas kompari ĝin kun *piĝinaj* lingvoj, tiuj lingvoj kiuj ekestas kiam homoj el malsamaj lingvoj estas devigataj intertrakti. Esperanto estas, tamen, aparta speco de piĝina lingvo, kiu ekestis laŭplane kaj estis uzata ĉefe skribe.

Kelkaj piĝinaj lingvoj, ne ĉiuj, iĝas *kreolaj*, t.e. normale uzataj en iu komunumo kaj transdonataj de generacio al generacio kiel gepatra lingvo. Kvankam E-o jam komence de ĉi tiu jarcento estis ekuzata kiel hejma kaj denaska lingvo en kelkaj familioj, tamen la kvanto de normalaj uzantoj de la ĉiutaga Esperanto neniam sufiĉis por decide influi la evoluon de Esperanto, aŭ simple plenigi kelkajn vakuojn en la lingvo mem (mi vetas ke eĉ la plej fervora festparolanto aŭ la plej kreema inventisto de malvortsinonimoj havas kelkajn problemojn kiam li devas sakri aŭ priskribi la enhavon de sia glaci-ŝranko en Esperanto).

Alia problemo pri ĉi tiu procedo de kreoliĝo kuŝas en tio ke Esperanto estas en la granda plejmulto de la kazoj "patra" lingvo. Tamen, ĉefe dum la unuaj vivo-jaroj la rilato de la bebo kun la patrino (kaj kun la patrina lingvo) estas tre malsama ol la rilato kun la patro (kaj ties lingvo). Ne hazarde en ĉiuj naciaj lingvoj la popola saĝo kreis la esprimon "patrina lingvo". Ni nebuligas la situacion per la esprimo "gepatra lingvo", sed tio ne ŝanĝas la bedaŭrindan faktan situacion.

Tion montris ankaŭ la respondoj al la anonco (kiu aperis i.a. en *Esperanto* 1992 nov., p. 186) pri gravedaj

*Edukado:*

# Andrea diras "ti-ta"

## Disaj observoj pri la kreoliĝo de Esperanto

e-istinoj pretaj partopreni eksperimenton pri lingvo-evoluo de la naskotaj beboj. La absoluta plejmulto de la respondoj venis de entuziasmaj patroj, kiuj ne estis mem gravedaj, sed tamen ege deziris esperantigi la estontan bebon. Bv. ne miskompreni, mi ne volas senkuraĝigi ilin. Ili ja faras ion bonan kaj aprobindan, sed ni serĉis patrinojn.

Tamen unu patrino, Csilla Csőke, perfekte kongruis kun ĉiuj postuloj. Ŝi loĝas en Serbujo, en Mali Idjoš, vilaĝo kun hungarlingva loĝantaro. La bebino, Andrea, naskiĝis la 17-an de februaro 1993, kaj la patrino ekparolis al ŝi en Esperanto. Konsideru ke la kuraĝa patrino antaŭe ne kutime uzis Esperanton parole.

esperantistoj. Pro tio mi nun lasas la vorton al la patrino mem.

"Mi klopodas paroli kun Andrea nur Esperante. Tio sukcesas en 99 procentoj de la kazoj. Se mi tamen alparolas ŝin hungare, mi havas malagrablan senton. Mi tiel alkutimiĝis paroli kun ŝi nur Esperante ke eĉ en duondormo, kiam ŝi min vekas nokte, mi parolas nur Esperante. En la komenco tio ne estis facila, mi estis tro zorgoplena pri la opinio de la ĉeestantaro — feliĉe hodiaŭ ne plu —, kaj, krom tio, neniun rezulton havis mia granda fortostreĉo. Mi do devis tre-tre regi min por resti ĉiam ĉe Esperanto, ankaŭ se mi estis lacega pro parolado en fremda lingvo kaj



*Andrea Csőke: Panjo nomas ŝin "bubino".*

Kiam mi ricevis ŝian leteron, kiu konsistigas la duan parton de ĉi tiu artikolo, mi sentis ke mi havas la bonŝancon ĉeesti tre klaran ekzemplon de naskiĝo de kreola Esperanto kaj legi tre belan priskribon de la problemoj kaj de la ĝojoj de tiaj momentoj. La problemoj ne estas tipe Esperantaj, ili okazas en ĉiuj kreoliĝoj, kaj ili pruvas, inter aliaj aferoj, ke Esperanto ankoraŭ troviĝas en la mezo de la kreoliĝa procezo.

Ĉiukaze, mi opiniis ke mi devas dividi tiun sperton kun multaj aliaj

se mi ne trovis la konvenajn vortojn por karesi la kreaĵeton, plej karan al mi. Ĝis ŝia naskiĝo mi ne uzis Esperanton en la ĉiutaga vivo kaj, kvankam mi facile legis eĉ la plej komplikajn tekstojn, mi ne sciis la nomojn de la objektoj kiuj min ĉirkaŭis. Intertempe la situacio ŝanĝiĝis, mia vortprovizo multobliĝis, kaj ofte mi rimarkas ke mi eĉ pensas en Esperanto.

Mi renkontis kompreneble multajn problemojn dum la pasintaj monatoj. Kelkajn mi sukcesis solvi, kelkajn ne — aŭ almenaŭ ne tro bone —, sed estas fakto ke la edukado en Esperanto funkcias — de la unua tago.

Problemo estis por mi ekzemple ke iujn vortojn mi simple ne trovis en vortaroj. Mi havas Esperant-hungaran/hungar-Esperantan vortar(et)on kaj krome PIV, kelkajn lernolibrojn, multajn gazetojn, sed ili ne enhavas, kompreneble, la tutan terminaron por eduki bebon. Ekzemple mi trovis malmultajn onomatopeajn kaj karesajn vortojn. Kelkaj vortaraj vortoj estas tro longaj kaj tro komplikaj, se oni devas ilin ripetadi almenaŭ dudek fojojn en ĉiu tago. Anstataŭ *vindotuko* mi ofte uzas *tuko* por simpligi iomete. Ankaŭ la diminutivaj sufiksoj komplikas kaj plilongigas la vortojn, tamen mi ofte uzas ilin.

Evoluigado de 'patrino-lingvo' en Esperanto estas io tre malfacila. [La nomo de ĉi tiu patrino-lingvo en la faka literaturo anglalingva estas *motherese*. Ĝi estas la variaĵo per kiu patrinoj alparolas malgrandajn bebojn, kaj ĝi havas ankaŭ elparolmalsamecojn rilate al la normala lingvo, per kiuj patrinoj instinkte 'faciligas' la lingvon por instrui ĝin pli efike al beboj.] La unuaj karesemaj vortoj uzataj en la gepatra lingvo estas ofte sensignifaj, nuraj sento-esprimiloj. Ĉiuj patrinoj vortkaresas siajn bebojn kiel ili estas aŭdintaj en sia infanaĝo, tamen patrino kiu parolas al bebo en Esperanto, uzas fremdajn vortojn, kies guston ŝi ne ĉiam sentas, ankaŭ se ŝi cetere tre bone parolas Esperanton. Estis al mi ridinde, ekzemple, ke mi nomu Andrea-n en Esperanto 'eta kuniklo' aŭ 'skarabeto' — kiel mi nomus ŝin en mia gepatra lingvo. Tial mi simple nomis ŝin 'bubino' aŭ 'etulino'. Eble ne estas tro fantaziplena solvo.

Mi ne multajn bebkantojn kaj lulkantojn trovis. Tial mi legas al ŝi versaĵojn kiuj estas simplaj kaj havas interesan ritmon kaj melodion. Infankantojn mi tute ne trovis, tial mi kalkulas kiom da silaboj versaĵoj havas, kaj inter infankantoj al mi konataj mi serĉas iun kiu enhavas ĝuste tiom da notoj. Tre primitiva metodo, sed ĝi funkcias. Kaj Andrea tre ĝuas aŭskulti mian kantadon. Ŝi eĉ 'kunkantas'.

Kiam temas pri onomatopeaj vortoj, mia vortaro enhavas kelkajn, sed en la interparolado kun bebo oni bezonas pli grandan nombron. Ekzemple mi diras al ŝi ke la horloĝo 'tiktakas' — sed mi ne estas certa ĉu por ĉiuj onomatopeaj vortoj ekzistas Esperantaj ekvivalentoj, aŭ ĉu estas granda eraro se mi uzas la hungarajn? [Ne: tion faras, tute senkonscie, ĉiuj esperantistoj kaj esperantologoj. La demando, evidente, estas iom pli komplika kaj ne estas solvinda per tia kelklinia spritaĵo.]

Kaj nun pri Andrea. Ŝi estas nun [komence de novembro 1993] 8,5-monata kaj ŝi ĉiam pli kaj pli balbutas.... Ŝi sidas kaj balbutas senhalte. Estas por mi granda stimulado ke ekde ĉirkaŭ unu monato ŝi komencas montri ke ŝi komprenas vortojn. Ŝi konas la nomojn de kelkaj objektoj, bestoj kaj similaj. Mi scias ke tiu ĉi esploro ne traktas la vortkomprenadon de la bebo j, tamen mia patrina fiereco devigas min skribi ankaŭ pri tio . . . Ŝi montras al la horloĝo kaj diras 'ti-ta'.

Mia ĉirkaŭantaro feliĉe komencas akcepti ke mi parolas kun ŝi Esperante, sed ili ne havas altan opinion pri tio. Mi esperas ke ili kaŝos sian opinion, ĉar ĝi povus malbone efiki al Andrea. . . ." [Tio estas problemo komuna al ĉiuj esperantistaj denaskistaj gepatroj, sed konata ankaŭ al ĉiuj parolantoj de "malgrandaj" kaj "strangaj" lingvoj vivantaj en landoj kie oni parolas "grandajn" lingvojn.]

Eble vi miras pri ĉi tiu granda artikolo pri tiel malgranda bebo. Tamen ne miru: ŝi ne estas la nura kazo. Aliaj kazoj ekzistis kaj ekzistas ankaŭ nun (ekzemple: Estera, pola knabino iom pli aĝa, parolas Esperanton kun sia patrino). Se ekzistus multaj tiaj beboj, Esperanto farus decidan antaŭenpaŝon kaj enirus pli fortike en sian duan jarcenton. Zamenhof esperis ke tio okazos jam dum la unua jarcento. Eble lia revo realiĝos komence de la dua.

**Renato Corsetti (Italio) kaj Csilla Csőke (Jugoslavio)**

*Ekzamenoj UEA/ILEI:*

# Ĉiun sesan semajnon!

Antaŭ kvin jaroj UEA kaj ILEI kunfandis siajn ekzamenajn programojn en unu, lasante la respondecon por verkado kaj administrado en la manoj de la instruista ligo. Sekve, aldone al la raporto por 1993 ni pretigis kvin-jaran resumon.

### Ekzamenoj 1993

Sesioj en La Chaux-de-Fonds (Svislando), San-Francisko (Usono) kaj Valencio (Hispanio) julie, en Vraca (Bulgario), Barlaston (Britio) kaj Ĉengde (Ĉinio) aŭguste, en Sète (Francio) septembre, kaj en Zagrebo (Kroatio) decembre altiris 80 kandidatojn el 15 landoj, el kiuj 77 sukcesis — 57 elemente kaj 20 meze. Apartan gratulon meritas la sesio en Ĉengde, kun 40 sukcesintoj. Ĉinio per tio eksigas sian propran rekordon (36 en 1992). Jen modelo de malcentrigo laŭ la sistemo de kontinentaj prizorgantoj.

### Bilanco de la kvin jaroj 1989-93

Estis registritaj 335 sukcesintoj, loĝantaj en 38 landoj (120 en Azio, 28 en Ameriko, 6 en Afriko, 1 en Aŭstralazio kaj 180 en Eŭropo.) Okazis 41 sesioj (ekvivalente al unu ĉiun sesan semajnon!) en 20 landoj de 4 kontinentoj: en Eŭropo 28 kun 186 sukcesintoj, en Azio 6 kun 188, en Ameriko 6 kun 30, kaj en Afriko 1 kun 1.

La ekzamenoj okazis ĉiujare en la UK (61 sukcesintoj), dufoje en IJK (7), kaj dufoje en ILEI-konferencoj (3). KCE en Svislando gastigis 6 sesiojn (34), SFSU en San-Francisko 4 sesiojn (22). Tri kandidatoj en la periodo estis parte aŭ tute blindaj.

### Ekzamenoj 1994

La ekzamenoj pluiros sub prizorgo de novaj sekretario kaj kontinentaj respondeculoj. Sesioj estas petitaj en Finnlando kaj Brazilo kaj atendataj en Zagrebo (20-21 majo kaj 9-10 dec.), San-Francisko (dum la Somera Kursaro, 27 jun.-15 jul.), Barlastono (dum la Somerlernejo, 6-12 aŭg.) kaj en la Tria Afrika Kongreso (17 dec.-6 jan.).

La Internacia Ekzamena Komitato ekde 1994 konsistas el: Till Dahlenburg (prezidanto; Germanio), Nikolaj Bojaĝiev (Bulgario), François Lo Jacomo (Francio), ZHANG Danchen (reprezentanto por Azio; Ĉinio), plus la novaj IEK-anoj Prof. Ivan Bekavac-Basić (sekretario; Kroatio), GBEGLO Koffi (por Afriko; Togolando) kaj Atilio Orellana Rojas (por Latin-Ameriko; Argentino). Tiu konsisto estas konfirmota de la marta estrarkunsido de UEA.

**Stefan MacGill**
**aginta sekretario de la ekzamenoj**

**Sukcesintoj laŭ gradoj, 1989-1993**

| | *1989* | *1990* | *1991* | *1992* | *1993* | SUME |
|---|---|---|---|---|---|---|
| SESIOJ | | | | | | |
| Nombro de sesioj | 7 | 9 | 10 | 7 | 8 | 41 |
| Landoj de sesioj | 6 | 6 | 8 | 7 | 8 | 20 |
| Kontinentoj de sesioj | 3 | 2 | 2 | 3 | 3 | 4 |
| SUKCESINTOJ | | | | | | |
| Elemente | 14 | 17 | 35 | 39 | 57 | 162 |
| Meze kontentige | 9 | 3 | 14 | 8 | 2 | 36 |
| Meze bone | 15 | 7 | 33 | 14 | 10 | 79 |
| Meze tre bone | 11 | 8 | 20 | 11 | 8 | 58 |
| Meze, sume | 35 | 18 | 67 | 33 | 20 | 173 |
| SUME | 49 | 35 | 102 | 72 | 77 | 335 |
| Loĝlandoj | 15 | 15 | 18 | 20 | 15 | 38 |
| Loĝkontinentoj | 4 | 4 | 4 | 4 | 4 | 5 |

*Edukado:*

# La gaja talentejo

**En oktobro 1989 ni raportis pri Fondaĵo Talento, kiun la Ekonomikista Grupo de Hungara E-Asocio establis por mediprotektado kaj por kapablo-evoluigo de infanoj. Pasis pli ol kvar instrujaroj ekde tiam, kaj klaso da ordinaraj infanoj apud Budapeŝto altigis siajn kapablojn ĝis neordinara nivelo. Kiel tio eblis? Jen klarigo, resumita el materialoj kiujn la Fondaĵo afable disponigis.**

Multnombraj artikoloj en hungaraj kaj alilandaj gazetoj, radio- kaj televid-prezentadoj – interalie en la usona CNN kaj brita BBC – atestas pri la serioza laboro plenumata en la lernejo de Fondaĵo Talento.

La pedagogoj kaj lernantoj demonstris la rezultojn de sia laboro dum la Eŭropaj Konferencoj pri Altaj Kapabloj en Budapeŝto en oktobro 1990 kaj en Munkeno, Germanio, en oktobro 1992, krome dum la Monda Konferenco pri Altaj Kapabloj en Hago, Nederlando, en aŭgusto 1991. La unua klaso de la lernejo prezentis sin ankaŭ en Italio en decembro 1990 kaj en Anglio en aprilo 1991. En junio 1993 tiu ĉi klaso vizitis dum unu monato Svision kaj Francion por prezenti siajn atingojn kaj interŝanĝi spertojn.

En septembro 1989 Fondaĵo Talento ekfunkciigis lernejan klason por dek du 6-jaraj infanoj en la urbeto Budaörs (apud Budapeŝto). Laŭ ekzamenoj la infanoj estis averaĝe kapablaj. Ekde tiam la lernantoj kaj la pedagogoj atingis elstarajn sukcesojn. La klaso specialiĝis pri matematiko kaj fremdaj lingvoj (kompreneble ankaŭ la gepatra lingvo havas gravan rolon). Post du jaroj ili adiciis kaj subtrahis nombrokolumnojn en kelkaj sekundoj, mense multiplikis unu duciferan nombron per alia, kaj bone faris dividojn.

pri temoj de sia ĉiutaga vivo kaj ekkorespondis kun infanoj tra la mondo. Ili ankaŭ eklernis komputiluzadon.

Malgraŭ ke la infanoj ne estis speciale elektitaj kaj ne montris eksterordinarajn kapablojn komence de la lernejo, post tri jaroj ilia inteligentec-kvociento leviĝis al nivelo kiun atingas nur 5% de iliaj samaĝuloj.

Laŭ unuvoĉa opinio de ĉiuj fakuloj vizitintaj la klason, same kiel laŭ psikologiaj testoj, la infanoj ĉi tie kondutas pli liberanime kaj gaje ol ĝenerale en tradiciaj lernejklasoj.



*Talento-lernantoj kaj -pedagogoj kun la gastigantaj francaj e-istoj el "La Sunkompanio" (Arrout).*

Ankaŭ en la kampo de lingvolernado ili atingis neordinaran sukceson: meze de la dua lernojaro ili flue parolis la unuan fremdan lingvon, Esperanton. Ili senĝene interpretis

**Bazaj eduk-principoj**

La instruista grupo entreprenința la taskon unue ellaboris sian edukan-instruan sistemon, kies bazaj principoj estas jenaj:

# Kelkaj sobraj paĝoj

Ni devas ĝoji ĉiufoje kiam Esperanto trovas manieron enrampi en lernejajn librojn. Se tiuj libroj estas sukcesaj, oni povas kalkuli je fiksa nombro da aĉetantoj kaj legantoj ĉiujare. Krome, tio kion oni lernas en la lernejaj jaroj, ofte restas dum jardekoj en la profundaĵoj de la konscio. Kaj fine, tre verŝajne, pri temo tiel ĝenerale akcept-problema kiel Esperanto oni povas antaŭvidi ke ĝi vekos debaton en la klasoj mem.

Do, pro ĉio ĉi ni devas gratuli al la konata aktivulo Leo Franzoni pro lia sukceso enmeti kelkajn paĝojn pri Esperanto en *Educazione civica per i Licei Linguistici*, tekstlibro por lingvaj liceoj pri edukado al civitismo. Temas pri tiuj liceoj el kiuj eliras la homoj profesie laborontaj pri lingvoj (de komercaj korespondantoj ĝis interpretistoj). La paĝoj de Franzoni sobre pritraktas la internacian lingvon kaj la kialojn pro kiuj oni devus alpreni ĝin. Nenio nova por "profesiaj" e-istoj, sed multo por pripensi por "profesiaj" malesperantistoj, kiaj ofte estas la homoj kiuj instruas lingvojn en la lingvaj liceoj.

Se ni sukcesus havi kelkajn tiajn paĝojn en multaj lernejaj libroj, tio povus ŝanĝi la situacion de ignoro de la ekzisto de Esperanto (ĉu ĝi estas io por manĝi?) kiun ofte ni renkontas.

**Renato Corsetti (Italio)**
laŭ *L'Esperanto*

- Amplena, harmonia etoso kaj reciproka estimo ĉirkaŭu la infanojn.
- Oni devas veki la interesiĝon de la infanoj pri iu temo, kaj konservi ĝin per konstanta motivado.
- Oni devas postuli de la infanoj en la elektita kampo la maksimumon kion ili kapablas plenumi.
- Oni devas daŭre rekoni la atingojn de la infanoj.
- Specialiĝo devas komenciĝi frue.
- Oni devas intense instrui la elektitajn lernobjektojn.
- La infano estu ne nur pasiva akceptanto, sed ankaŭ aktiva partoprenanto. (Por tio nemalhaveblas konstanta etgrupa laboro.)
- Dum la lernado oni devas konsideri la specifajn trajtojn de ĉiu infano.
- Aparte grave estas ellerni fremdan lingvon kaj la bazojn de matematiko en juna infanaĝo.
- Oni devas dediĉi grandan atenton al la fizika stato kaj sano de la infanoj, kaj al la evoluigo de ilia rezistkapablo.

### Sorobano: E-o de kalkulado

Kiel helpilon de la matematikinstruado, oni uzas tradician japanan kalkulilon, *sorobanon*. Post la premiera utiligo de sorobano en Budaörs, nun jam pli ol tri mil hungaraj pedagogoj aplikas ĝin en sia ĉiutaga laboro. La sorobano pro sia logika strukturo kaj facila uzmaniero multe helpas:

- komprenon de la nocio "pozicia valoro",
- konkretigon de la abstrakta nocio "nombro",
- aktivan lernadon,
- rapidan kaj seneraran mensan kalkuladon,
- malhelpi la elformiĝon de timo pri nombroj,
- evoluigon de logika pensmaniero.

### La liberiga lingvo

La unua fremda lingvo kiun lernas la infanoj, estas Esperanto. Ĝiajn avantaĝojn por la lerneja lingvoinstruado e-istoj bone konas, tial ni mencias nur unu kroman: ĝi enkondukas hungarajn infanojn al la latinidaj lingvoj, esenca ero de la eŭropa kulturo.

### La franclingva aventuro

La infanoj lernis Esperanton ne kiel sekan studobjekton, sed kiel komunikilon en realaj situacioj, kun forta motivado. Ili ofte ricevis viziton de diverslandaj e-istoj kaj babilis kun ili; dum vojaĝoj ili interpretis por siaj gepatroj. Kaj, precipe, instruis ilin nehungaro, denaska E-parolantino Esperantina Mirska, kun kiu eblis komuniki nur en E-o. (Komence asistis hungara pedagogo por helpi per rapidaj klarigoj gramatikaj.)

Kiel atendite, E-o efektive liberigis la infanojn de lingvaj inhibicioj: ili rapide kaj volonte ekparolis france, kvankam kun tipaj eraroj: "transplantis" E-vortojn neekzistantajn en la franca, unuecigis verbofinaĵojn, emis ignori gramatikan genron . . .

Sed tio ja ne gravis kiam, dum trisemajna vojaĝo en junio 1993, la infanoj impresis per sia lingvokono pedagogojn kaj ĵurnalistojn en Svislando kaj Sud-Francio. Dank' al e-istaj kontaktoj de la fondinto kaj estro de Fondaĵo Talento, András Lukács, ili povis ne nur diversloke demonstri la manipuladon de sorobano kaj prezenti teatraĵetojn en E-o kaj la franca, sed ankaŭ kunloĝi kaj kunvivi kun samaĝuloj.

### Pluaj planoj

En 1992 kaj 1993 Fondaĵo Talento estigis du novajn klasojn. Ĝia celo estas krei lernejon kie post dek du jaroj la lernantoj atingos en iu kampo internacie elstaran rezulton, kaj flue parolos almenaŭ tri fremdajn lingvojn. Kompreneble plej gravas eduki anime ekvilibrajn kaj korpe fortajn infanojn kun larĝa horizonto.

Restas la financaj problemoj. La Fondaĵo ricevas neniun ŝtatan subvencion kaj vivtenas sin dank' al mecenataj kontribuoj kaj pagoj de la gepatroj. Por solvi tiun gravan problemon la Fondaĵo nun planas vendi la lernejon: estas serĉata persono aŭ institucio kiu akceptas la bazajn principojn de la lernejo kaj pretas transpreni ĝin sub sian egidon, zorgante ankaŭ pri ties financa bonfarto. Malgraŭ tiuj zorgoj, la gvidantoj de la Fondaĵo planas daŭre evoluigi la lernejon, des pli ke abundas gepatroj dezirantaj ke ilia infano lernu ĝuste tie ĉi.

Alia problemo estas trovi taŭgajn Esperanto-instruistojn kiuj kapablas ankaŭ bone eduki malgrandajn infanojn. Ĉi lasta faktoro aparte gravas, ĉar por akcepti Esperanton la gepatroj devas vidi ne nur ke la internacia lingvo funkcias, sed ankaŭ ke iliaj infanoj troviĝas en perfektaj manoj el pedagogia vidpunkto.

La lernejo ĉiam volonte akceptas vizitantajn e-istojn. Adreso: Fondaĵo Talento, 2041 Budaörs, Pf. 102, Hungario. Tel.: +36/1/166-98-66 aŭ 186-88-54. Faks.: 185-71-83. ★

## Por instrui televide

Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Hago jam de tri jaroj esploras eblojn realigi profesinivelan E-kurson taŭgan por televida dissendo. Ĝi varbis ĝis nun kunlaboron de la pola reĝisoro Roman Dobrzyński, sumon de pli ol 20 mil dolaroj (ĉ. 40 mil gld.; Juan E. Bachrich el Venezuelo sola donacis 5 mil dolarojn), kaj preskaŭ pretan scenaron de Ilona Koutny–Zbigniew Galor ("Espero, nia amo").

Tamen, kiam montriĝis ke la kostoj atingus duonmilionon da dolaroj, IEI ŝanĝis la projekton: nun ĝi planas adapton al Esperanto (por 35 mil dolaroj) de la anglaj instrufilmoj *Muzzy from Gondoland* ("Muzzy el Gondolando") kaj *Muzzy comes back* ("Muzzy revenas") de BBC, jam sukcese adaptitaj en Pollando al la franca, germana, hispana kaj itala. Laŭ IEI, per la vendoj de tiu filmo eblos ne nur "rericevi la investitan sumon", sed "eĉ perlabori monon" por ekrealigi la originan projekton.

IEI atendas opiniojn (Riouwstr. 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando) kaj financan apogon je la UEA-konto "iein-q".

Laŭ IEI, ankaŭ en Usono, Aŭstralio kaj Danio ekzistas aŭ ekzistis similaj planoj, aŭ okazis monkolekto kun tia celo. Lastatempe ankaŭ el Francio venis novaĵoj pri propono realigi televid-filmon 22-oble 10-minutan (ĉu kurson ĉu prezenton de Esperanto), kies kostoj atingus du milionojn da frankoj (pli ol 650 mil gld.). Se la serio ricevos la bezonatan subvencion de instancoj, ĝi estos probable dissendata de la kultura kanalo Canal 5.

*Kulturaj centroj:*

# Kvaronjarcenta kultura centro

**Kiam Kultura Centro Esperantista (KCE) estis fondita en la "decida jaro" 1968, eble malmultaj imagis ke ĝi jam post jardeko fariĝos unu el la ĉeflokoj, pilgrimejoj de nia kulturo. . . . Kiel KCE evoluis, kiel ĝi statas hodiaŭ? – ni demandis la prezidantinon de ĝia Direkta Komitato, Mireille Grosjean, kaj la sekretarion de KCE, Andy Künzli.**

*Gratulojn pro la 25-jariĝo. Ĉu vi povus resumi kelkvorte la etapojn de la kvaronjarcenta vivo de KCE?*

**Grosjean:** KCE estis fondita en 1968 en la svisa dulingva urbo Biel/Bienne kiel asocio kun la celo starigi altlernejon por la esperantistoj. Dum kelkaj jaroj ĝi havis sian sidejon en la vilaĝo La Sagne (kantono Neuchâtel) antaŭ ol ekrezidi en La Chaux-de-Fonds. Ĉi tie la fondaĵo Gastejo Edmond Privat (GEP), starigita en 1976, havis la okazon akiri sep malnovajn domojn je relative modera prezo por povi gastigi la gestudentojn de KCE kaj de Centro de Dokumentado kaj Esploro pri la Lingvo Internacia (CDELI). Dum la 70-aj jaroj startis la transformo kaj renovigo de la domoj, kiuj estis tre multekostaj.

*Kiel KCE estas mastrumata?*

**Grosjean:** La ĉefaj rimedoj de KCE kaj GEP estas: diversspecaj mondonacoj, alpruntoj (ĉar GEP funkcias kiel ŝparkaso), vendoprofitoj (libroservo, kurskotizoj ktp). Subvenciojn de la ŝtato, kantono aŭ komunumo KCE/GEP neniam ricevis.

De multaj jaroj gvidas la centron interalie jenaj organoj: Ĝenerala Asembleo, Kultura Komisiono, Direkta Komitato kaj la direktoro. Ĉi-lastan postenon okupis Claude Gacond. De post la demisio de Gacond en 1991, la Direkta Komitato ludas la rolon de "kolektiva direktoro": mi gvidas ĝin kiel prezidanto, kunlabore kun Gacond kaj Alain Favre. La ĉiutagan laboron de KCE/GEP nuntempe plenumas tri surlokaj salajrataj stabanoj: Mario Bélisle (administranto de GEP), Andy Künzli (sekretario de KCE), kaj Guillaume Lanier (domzorganto de KCE/GEP).

*KCE funkcias ankaŭ kiel landa movada centro. Ĉu taŭga solvo?*

**Künzli:** Efektive, en La Chaux-de-Fonds koncentriĝas la juraj sidejoj de Svisa E-Societo, de Junularo E-ista Svislanda, de la svisa sekcio de Internacia Ligo de E-istaj Instruistoj, kaj de Kooperativo de Literatura Foiro.



*Al kiom da kursoj, da diskutoj, da babiloj donis jam lokon la 25-jara KCE? Tion eble ne scias eĉ ĝia motoro, Claude Gacond (kiu diskrete aŭskultas en la angulo).*

La ĉefaj meritoj de KCE estas ke ĝi, interalie per sia koresponda kurso, kreis kaj formis novan generacion de e-istoj, inter kiuj naskiĝis kelkaj signifaj aktivuloj de la svisa movado. La pedagogia, didaktika, scienca kaj ideologia laboro de KCE disradiis eĉ internacie. Ni fruktodone kunlaboras ekz. kun la Budapeŝta ELTE-universitato.

Pro la transnacia karaktero de KCE, ĉi tiu centro eble pli forte radiis al eksterlando ol al Svislando mem. Ĝia geografia situo kulpas ke KCE eble ludis pli fortan rolon en Romandio (la franclingva landoparto) ol en Alemanio (la germanlingva parto).

Ni havas la impreson ke la E-movado subtaksas la signifon de tia institucio kaj daŭre ne plene konscias pri la graveco posedi proprajn altlernejojn kaj eduk-centrojn. KCE estas tre serioza provo en tiu direkto.

*Kiujn servojn donas KCE?*

**Grosjean:** KCE posedas ampleksan libroservon, kiun ni ege zorge flegas per konstanta renovigo kaj eldono de katalogoj.

La dua grava servo estas la jam menciita koresponda kurso por german- kaj franclingvanoj. Sed la ĉefa piliero de la aktivado de KCE estas la diversspecaj kursoj, prelegoj kaj ekzamenoj, kies ĝenerala programo por 1994 estas senpage mendebla.

*Kiuj konsistigas vian klientaron kaj vizitantaron?*

**Künzli:** Laŭ landoj, certe granda parto venas, krom el Svislando, el najbaraj (t.n. pagipovaj) landoj: el Germanio, Francio, Nederlando, sed ankaŭ el Japanio kaj Usono – iom el Britio, Italio kaj aliaj eŭropaj landoj. Pasintjare ni unuafoje gastigis gekolegojn el Albanio. Revojaĝante de la Valencia UK vizitis nin ankaŭ singapuranoj. Ĉiuj aĝoj, sociaj tavoloj kaj lingvokonaj niveloj estas reprezentataj.

*Kiel efikis la ŝanĝoj en Eŭropo je la agado de KCE?*

**Künzli:** KCE nek ege profitis nek ege suferis pro tiuj ŝanĝoj. Certe, la ĝenerala plikostiĝo de la vivo kaj varoj en Eŭropo negative influas ne nur la (sufiĉe malriĉan) Esperanto-

komunumon entute, sed ankaŭ sentiĝas en la diversaj fakturoj kiujn KCE/GEP devas pagi ĉiutage.

Pozitiva fakto por KCE estas la grupaj restadoj de turistoj el Orienta Eŭropo ĉe GEP. En 1993 ni gastigis grupojn el Pollando, Slovakio kaj Rusio. Feliĉe, lastatempe la svisaj ambasadoj donas vizojn pli malavare ol antaŭe. Ĉiukaze, homoj el t.n. "nepagipovaj" (daŭre!) landoj neniam are vizitis la kursojn de la centro, ĉar simple la kurs- kaj restadkostoj estis por ili ĉiam tro altaj, kvankam — kaj tion ni ŝatus emfazi — relative malaltaj por svisaj kondiĉoj.

*Ĉu eble Esperantujo havas simple tro da E-centroj?*

**Künzli:** Unuflanke jes. La e-istaro, ŝajne pli turismema (kio ja estas tre bona!) ol kursema, evidente tro malofte uzas ilin kaj iliajn servojn. Aliflanke ne, ĉar devus esti eĉ pli da centroj kaj lernejoj, por ke ekzemple finno ne devu veturi al Svislando aŭ Slovakio por lerni la lingvon. Fakte, tiuj centroj estas geografie eĉ ne tro malbone dividitaj: Svislando, Francio, Slovakio ktp. Eĉ Sovetunio siatempe havis unu en Taŝtagol. Sed ŝajnas ke ili ĉiuj malsanas pro analogaj cirkonstancoj: tro izolita situo, trograndeco kaj pro tio tro multekosta funkciado, kelkfoje amatora gvidado, tro malmulte da gastoj kaj klientoj, manko de kunordigo inter ili (kiel realigi?).

*Kiel evoluos la financoj de KCE?*

**Künzli:** KCE celas labori profesie kaj pro tio dungis tri minimume salajratajn oficistojn. La ĝeneralaj kostoj por la entrepreno bedaŭrinde estas sufiĉe altaj; malfeliĉe la enspezoj ne kovras ilin. Ni strebas ekvilibrigi la financojn interalie per funkciado surbaze de simpla infrastrukturo, per ŝparado, kaj per akcepto de kiel eble plej multaj tranokto-grupoj, kutime neesperantistaj.

*Kia estonto por KCE kaj Gastejo Edmond Privat?*

**Grosjean:** Venis la tempo sobre reagi al la bezonoj de la "moderna" tempo, ekzameni la organizajn strukturojn de la movado. Necesas multe pli larĝa malfermiĝo al la vasta publiko.

**Künzli:** Ni kredas ke la ideoj de esperantismo estas ne nur tre avangardaj, sed ankaŭ sufiĉe revoluciaj kaj ege aktualaj. Necesas pli forta propagando por Esperanto surbaze de la homaranismo. Interalie la idea fono de nia lingvo ja diferencigas ĝin de aliaj lingvoj. Krome, la Esperanto-movado devus doni pli da atento al la komerca aspekto. La senprofita kulturo eterne kaŭzos al ni financajn kapdolorojn.

*La adreso de KCE estas: P.F. 779, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, Svislando. Tel.: +41/39/267-407. Faks.: 266-203.*

*Persone:*

# Kiel mi vizitis retrovitan amikon

Antaŭ kelkaj jaroj mi verkis artikolon "Esperanto helpis min retrovi perditan amikon" (*Esperanto*, nov. 1987), en kiu mi priskribis kiel la kontakto inter d-ro K. Y. Poon — unu el miaj kunlernantoj en la elementa lernejo — kaj mi estis rompita dum la t.n. "Granda Proletara Revolucio", kaj kiel f-ino Margarett Warr, aŭstralia e-istino, helpis min retrovi lin post tiom da jaroj.

De tiam d-ro Poon kaj mi korespondas regule. Ni interŝanĝis fotojn de ni mem kaj niaj familianoj. Kvankam niaj figuroj de vizaĝoj restis la samaj, tempo neeviteble gravuris postsignojn, precipe post tiom da suferado kaj vagado. Kian profundan emocion la fotoj estigis en mi! Kiel mi sopiris ekvidi lin kaj havi longan babilon kun li! Li esprimis sian deziron reviziti Ĉinion, sian naskiĝlokon. Mi atendis lian alvenon pacience sed vane.

Sed printempe de 1992 mi havis ŝancon partopreni en internacia trejna kurso pri konsultado al personoj infektitaj de HIV-viruso kaj aidosomalsanuloj, en Sidnejo. Post kiam mi ricevis mian aeroplanbileton, mi tuj telefonis d-ron Poon pri la preciza horo de mia alveno.

Kiam mi atingis la flughavenon Kingsford Smith, li jam atendis tie, tenante kartonaĵon kun mia nomo. Mi mansvingis al li kun larmoplenaj okuloj.

Li veturigis min al la motelo kie ni partoprenantoj loĝos. Dum mia restado en Sidnejo li helpis min multe. Eĉ kunulino kiu venis al la kurso kun mi, akiris avantaĝon el la amikeco inter d-ro Poon kaj mi. Tio estis la unua fojo por ni viziti Aŭstralion. Ni estis tute fremdaj tie. Poon konigis al ni ĉion necesan, konatigis nin al siaj familianoj, veturigis nin al multaj vidindaĵoj, kaj regalis nin en diversaj restoracioj. Pli grave: Poon kaj mi havis longajn konversaciojn. Ni parolis pri ĝojo kaj malĝojo en la vivo. Opinioj pri ĉiuspecaj aferoj estis interŝanĝataj. Ni faris fotojn apud Pacifiko, en la salono de lia domo kaj antaŭ la fama opera domo.

Mi utiligis plene mian restadon tie por kontakti tieajn e-istojn. S-ro Tom Elliot de Libroservo de Aŭstralia E-Asocio vizitis min ĉe mia loĝejo.




*La aŭtoro (dekstre) kaj lia amiko*

Bedaŭrinde, pro la manko de tempo, mi ne povis partopreni la regulan kunvenon de Sidnejaj e-istoj.

Post la kurso Poon veturigis nin al la flughaveno. Ni interkonsentis revidi nin poste en Ĉinio aŭ ie ajn en la mondo. Ni preĝis ke ni revidiĝu ne post 40 jaroj, sed baldaŭ.

**Zheng Bocheng (Ĉinio)**

*Blinduloj:*

# Brajla revuo 90-jariĝas

**Inter la nunaj Esperanto-gazetoj, la brajla *Esperanta Ligilo* estas unu el la plej malnovaj: baldaŭ ĝi festos sian 90-an ekzistojaron. Ĝi konservis sian idealon, sian spiriton, kaj, malgraŭ ĉiaj ŝanĝoj tra la mondo, la universalecon de sia legantaro. Tiusence ĝi estas unu el la ĉefkolonoj de la ĝenerala E-movado.**

Aliparte, *Esperanta Ligilo* estas ankaŭ unu el la plej malnovaj daŭre aperantaj brajlo-gazetoj. Eĉ se konsideri ke la nun internacie organizita blindularo ne plu tiom bezonas kiom antaŭ la dua mondmilito la rektan agadon de la e-istoj, ni devas konstati ke *EL* restas nekomparebla rimedo por stimuli kaj faciligi la interŝanĝon de ideoj, informoj kaj amikeco trans la landlimoj.

Estas vero, kiel diris Harald Thilander, ke la blinduloj tiel ĝenerale sopiras je kontaktoj ke, se Esperanto ne ekzistus, oni devus ĝin inventi speciale por ili. Oni do ne miros ke ekde sia frua tempo la internacia lingvo interesis kelkajn el niaj samsortanoj. Oni memoru ekz. pri la nederlandano N. Schildt, kiu volis lerni ĝin jam en 1888! Pri la svisino Hélène Giroud, instruistino kaj poste direktorino de la blindul-lernejo en Villeurbanne apud Liono (Francio), kiu, ricevinte la "flamon" de la vidanta pionirino Jeanne Zabilon d'Her (1868-1924), lernis kaj instruis E-on jam ekde la lasta jardeko de la antaŭa jarcento. Tamen oni precipe memoru la nomojn Harald Thilander (1877-1958, Svedio), William Percy Merrick (1868-1956, Anglio), kaj Edgar Guilbeau (1850-1930, Francio), dank' al kies interesiĝo ekestis vera movado.

Kompreneble, efika kunlaborado de vidantaj e-istoj necesis por lanĉi tian aferon sukcese. Feliĉe ĝi ne mankis: unuaj paŝoj de Zabilon d'Her, varmaj kuraĝigoj de rektoro Émile Boirac responde al letero de Thilander, kaj precipe agado firma kaj daŭra de Cart, kiu jam en 1901 aperigis tiurilate artikolon en *Lingvo Internacia*.

En tiu epoko ne ekzistis brajlaj libroj por lernado de fremdaj lingvoj, ankaŭ ne por Esperanto. Mankis eĉ brajla alfabeto oportune adaptita por ĝiaj specialaj literoj – ĝis la akceptita propono de Thilander.

Tiam Cart redaktis simplan lernolibron en tri partoj, kiun produktis la brajla presejo de "Blindaj Fratinoj de Sankta Paŭlo". Dank' al diversaj klopodoj, en pluraj landoj sekvis alilingvaj eldonoj de tiu lernmaterialo. Tiel povis formiĝi iom post iom "publiko" preta akcepti Esperantan gazeton en brajla skribo.



*Théophile Cart*

Ĉar tiutempe la blinduloj ĝenerale perlaboris nur malaltajn sumojn, oni nepre bezonis sufiĉe multan monon por publikigi kaj disdoni la planitan E-brajlan periodaĵon. Cart aperigis alvokon en *Lingvo Internacia*, sed la decida monkolekto rezultis el loterio organizita de Zabilon d'Her.

Fakte la unua n-ro de *EL* aperis en majo 1904. Komence la kajeroj estis 32-paĝaj kaj dumonataj, sed ekde 1906 oni presis jare dek numerojn 24-paĝajn. *EL* informis pri la E-movado, pri la kongresoj, pri la eventoj de la blindula vivo; ĝi aperigis ankaŭ bonajn tekstojn, paroladojn de Zamenhof, k.s. Komence Cart liveris la manuskriptojn al la geedzoj Poittevin por brajligo, kaj s-ino Cart mem skribis la adresojn por la dissendado.

Tiel naskiĝis nia *Ligilo*, kiu tuj plenumis sian rolon de "katalizilo" por kungrupiĝo de la blindaj e-istoj unue en Eŭropo kaj poste en la ceteraj mondpartoj. *EL* fariĝis la oficiala organo: 1) en 1923 de UABE (Universala Asocio de Blindaj E-istoj, la unua tiuspeca organizaĵo kreita laŭ la ideo de Julius Hasselbach el Berlino kaj Ignaz Krieger el Vieno); 2) en 1933 de UABO (Universala Asocio de Blindul-Organizaĵoj, la unua provo grupigi tiajn organizaĵojn laŭ internacia skalo, laŭ la impulso de i.a. Thilander, Rafel Israëls el Nederlando, Josef Kreitz el Germanio k.a.); 3) en 1950 de LIBE (Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj, kiu ankoraŭ nun estas la centra organizaĵo de ĉiuj nevidantoj kiuj en la mondo praktikas la internacian lingvon).

La kontinueco de *EL* estas rimarkinda fenomeno. Thilander, kiu fariĝis ĉefredaktoro en 1912, mem relanĉis la gazeton post neeviteblaj kelkjaraj interrompoj dum ambaŭ mondmilitoj kaj restis ĉefredaktoro ĝis 1958. Tiam – bedaŭrinde malmultan tempon antaŭ ol forpasi – li konfidis la redaktadon al Raymond Gonin (Francio), kiu siavice transdonis ĝin al Nora Moerbeek (Nederlando) en 1991.

La abonpagoj neniam sufiĉis por disdoni la gazeton al ĉiuj dezirantoj, el kiuj bedaŭrinde multaj ne povas pagi, ĉu pro manko de mono, ĉu pro netranspageblo de sia valuto. Feliĉe ni ricevas monhelpon. Inter la du mondmilitoj apogis nin multaj subvencioj de ne-esperantistaj blindulaj aŭ bonfaraj organizaĵoj. Post la lasta milito la situacio iom ŝanĝiĝis kaj la helpo fontas precipe el e-istaj medioj.

Ni ĉerpis multajn ĉi-suprajn informojn el la bonega verko *Historio de la Esperanto-movado inter la blinduloj* de Josef Kreitz k.a., tri brajlaj volumoj kies legadon ni varme rekomendas.

**Raymond Gonin (Francio)**
**eks-estrarano de LIBE**

**Kroata Unuiĝo de Blindaj E-istoj** (Draškovićeva 80, HR-41000 Zagreb) festis sian 23-jariĝon la 7-an de februaro. La Unuiĝo, kiu plijuniĝis lastatempe, atendas proponojn por kontaktoj kaj kunlaboro.

Ankaŭ **japana E-grupo blindula,** "La verdaj okuloj", serĉas kontakton kun blindaj e-istoj (p/a Cukuru Harada, Hakuzan 2-7-4, Kumamoto, 862, Japanio).

*Jubileo:*

# Per humuro al maturo: Schwartz 100-jara

**"Popolo, kiu ne kuraĝas moki pri si mem, ne estas matura" – ŝatis diri Raymond Schwartz. Popolo ankaŭ ne estas matura, se ĝi ne konas siajn grandulojn, ni povus aldoni. Tial ni omaĝas la 100-an naskiĝdatrevenon de la verkisto per resumo kiun ni faris el franclingva studo de Marie-Thérèse Lloancy, "Raymond Schwartz et l'Espéranto", aperinta en *Franca Esperantisto* (n-ro 416, dec. 1990).**

La historia hazardo de la limŝanĝiĝoj faris ke Metz, la nun franca urbo kie Raymond Schwartz naskiĝis la 8-an de aprilo 1894, apartenis tiutempe al Germanio. La familio Schwartz parolis france, sed la deviga germanlingva instruado faris el Raymond "perfektan" dulingvulon. Li krome studis la latinan, grekan, anglan, hispanan kaj italan – antaŭ ol, probable en 1910, li aĉetis lernolibron de Esperanto.

Jam en 1911 li vojaĝis al Barcelono por testi sian lingvokonon, baldaŭ fondis Amikan Rondon en Metz,



*Raymond Schwartz (1894-1973) en la rolo de policestro en la filmo* Angoroj *(1963)*

kaj en 1911-13 publikigis siajn unuajn poemojn en la revuo *Tutmonda Espero*. Por li, eklerno kaj ekapliko de Esperanto kvazaŭ koincidis.

Raymond Schwartz travivis du mondmilitojn. La unuan kiel germana armeano – por fariĝi franca ŝtatano je la militfino. Sed "ne finiĝis tiam lia soldata kariero... en 1945, la franca registaro komisiis al la banko, kie li havis jam gravan postenon, reakiri havaĵojn en Vieno kaj Prago. Li estis do tien sendita, sed tiam rajtis vojaĝi al la okupataj teritorioj nur uniformuloj, kaj oni sekve vestis lin per ia speco de generala kostumo. Ĉu ne stranga sorto militista ĉe tia pac-amanto ...?"[1] Efektive, profesie Schwartz laboris en Pariza banko, kie li atingis kundirektorecon. Liaj amikoj substrekas la kontraston de liaj du vizaĝoj: jen la seriozega bankisto, jen la ludestro, kabaretisto ...

### Ĉiam preta sprito

Schwartz travivis la "folajn" 20-ajn jarojn de Parizo kaj konis la etoson de ĝiaj kabaretoj, kies ecojn, teknikojn kaj tonon li scipovis transplanti en Esperanton. En 1920 li fondis kaj ĝis 1926 animis la kabareton La Verda Kato; partoprenis inter 1932 kaj 1939 en La Bolanta Kaldrono de Joseph Nels; kaj en 1949 li kunfondis La Tri Koboldojn, kiu daŭris ĝis 1956.

Legante liajn verkojn, kiuj atestas konon de ĉiuj "klaĉoj" de la mondo esperantista kaj ekstera, oni povus kredi ke li multe vojaĝis. Male, li apenaŭ vizitis kongresojn – krom, evidente, en Parizo: la UK en 1932, kies gazeton li redaktis humurplene, kaj la Internacian Konferencon "Esperanto en la moderna vivo" en 1937, por kiu li aŭtoris la revu-spektaklon *Nek...nek...*. Samepoke li redaktoris kaj preskaŭ sola verkis, kun ĉiam preta sprito, la satiran revuon *La Pirato*, kiu "kaperis ĉiumonate" ekde 1933 ĝis 1936. Inter 1952 kaj 1971 li ĉiujare liveris al *Sennacieca Revuo* siaspecan resumon de la antaŭa jaro sub la titolo "Laŭ mia...ridpunkto", kiuj eniris la volumon *...kun siaspeca spico!* (1971).

Ni povus listigi ĉi tie ĉiujn produktojn de la Schwartz-aj sprito kaj spirito, de la premiera *Verdkata Testamento* (1926) ĝis la romanego *Kiel akvo de l'rivero* (1963). Sed prefere ni iom detalu la Schwartz-an kontribuon al la viva, originala kaj spontana uzo de Esperanto.

### Ludo kun formo kaj senco

La verkojn de Schwartz ĉiam "karakterizas la sama densa, riĉa, verva lingvo, plena de suko, neniam bombasta aŭ kejla, kaj utiliganta ĉiujn eblajn latentojn – ĝis li fakte ne esploritajn – de Esperanto"[2]. Kiuj do estas tiuj *latentoj* tiom laŭdataj? Por ilustri tion, jen nur kelkaj el la aspektoj de liaj *vortludoj* – el kiuj ni elnombris ĉ. 20 000 en ĉiuj al ni konataj verkoj de Schwartz.

Simpla *homonimeco* (kiam du malsam-signifaj vortoj havas saman formon) teorie ne ekzistas en Esperanto. Ĝi do aperas kiel lud-eblo nur rilate proprajn nomojn realajn (*Kubo/kubo*) aŭ fikciajn (*s-ro Piro, Karaf*), kaj ne-Esperantajn vortojn (*peace/pis'*)[3]. Sed *mistranĉo* de kunmetitaj aŭ pseŭdo-kunmetitaj vortoj liveras abundon da kalemburoj, ofte tiaj pri kiuj neniu pensus krom Schwartz: *filologo/filo-logo, sekretari-sorto/sekreta risorto.*

Ĝuste pro la kontraŭhomonima principo, en Esperanto oftas *paronimoj*, t.e. preskaŭ samsonaj vortoj (kiel *pesi/pezi*). Schwartz jen kreas proprajn ŝerc-paronimojn, kiel *kriz-nasko* kaj *Kristnasko*, jen li kombinas la ludon kun *mistranĉo (Esperanto/Esper-rento)* aŭ vortmiksado (*kontraŭakvoholulo*).

*Anagramo* (alivicigo de la literoj en iu vorto) havas siajn subspecojn: jen simpla interŝanĝo de du sonoj (*kandelabro/kandel-arbo, bagateloj/batalegoj*), jen la pli subtila *kontraŭknalo (pola mastro/mola pastro; labori fiŝe kaj muse* anstataŭ *labori fuŝe kaj mise*).

Ne ĉiam necesas ŝanĝi la formon por vortludi. Eĉ en Esperanto ekestis duoblaj sencoj, kutime metaforaj, kiel (banala ekzemplo) *folioj* de arbo aŭ de ĵurnalo. Schwartz ofte humuras per apudmeto de figura kaj origina sencoj: *"Tiel staras la demando. Kiam ĝi iĝos laca, ĝi sidiĝos."*

*Antifrazo*: vorto signifanta realaĵon kun ecoj malsamaj ol tiuj kiujn ĝi elvokas. Ni renkontas ekz. *Iliado + idilio = Idiliado*, rilate konfliktojn en Grekio dum la 30-aj jaroj.

Schwartz ofte ŝatas nuligi la distancon inter aĵo kaj vorto. Ekzemple, en teksto amuze pseŭdoscienca li demonstras ke *milito* estas *timilo*.

Ni povus prezenti multpaĝan tipologion de la vortludoj de Schwartz, sed tio estus sufiĉe teda sen la kunteksto, kiu ja donas ilian tutan guston.

**La funkcio de la vortludoj**

La humuro de Schwartz ne estis indulgema. Sed liaj pikoj iris nur al la diversaj formoj de potenco, aŭtoritato, altrudemo kaj detruemo: kontraŭ ĉio tio li batalis per la forta armilo de rido, kiun li elvokis plej ofte per vortludoj. Liaj atakoj ne estis malicaj, same kiel lia homamo ne estis senironia:

"Jes! la Homaro estas Familio! Malpli fiere mi aldonas: Kia familio! Dio mia! Kia familio!" – ni legas en "Privata bilanco post la milito" (*La ĝoja podio*).

Lia humuro celis jen la homaron (kiel en la ĵusa ekzemplo), jen la "verdan popolon", jen lin mem (kiel en la poema konstato ke li fariĝas en la sama tago *kvindekjara* kaj . . . *kvindek-hara*).



Vortludo ekzistas nur se oni ĝin komprenas . . . Ĉu liajn vortludojn komprenis, komprenas la e-ista publiko, al kiu ili direktiĝis?

Evidente, sen kono de la normala funkciado de lingvo oni ne komprenas ties ŝercocele kreitajn "misfunkciadojn". Ju pli subtila estas iu vortludo, des pli necesas, por kompreni ĝin, profunda kono de ĝiaj konsistigaj eroj. La komprenon kaj aprezon de vortludoj determinas la grado de lingva kaj kultura iniciĝo de la ricevanto. Ĉe parola prezento, gravas krome la bona prononco. Schwartz mem, laŭ ĉiuj atestoj, prononcis Esperanton modele, sed rifuzis malaltigi la nivelon por faciligi la komprenon (ekzemple, li ne markis per paŭzo la limojn inter la radikoj en siaj *mistranĉoj*): *la spektanto* devis altigi sian nivelon ĝis apreza kompreno. Laŭ Schwartz, nur tiel eblas atingi vere vivan kaj spontanan regon de Esperanto.

Schwartz estis unu el la kreantoj kiuj, en epoko kiam la juneta Esperanto estis ankoraŭ iom malfortika kaj "kompleksohava", helpis al ĝi kreski per granda dozo da efikaj fortigiloj, sed ankaŭ da inteligento, fajneco kaj sentemo.

Marie-Thérèse Lloancy (Francio)

NOTOJ

1. Bernard, Roger: Raymond Schwartz, lia vivo kaj verkaro. La Chaux-de-Fonds: KCE, 1977, p. 2.
2. Samloke, p. 7.
3. *peace* = paco (angle)

*Orienta Eŭropo:*

# La ĉeĥa movado restas kontinua

**Post deko da orient-eŭropaj landoj, al nia movada panoramo (vd. 1993 jul-aŭg. kaj nov.) nun aldoniĝas Ĉeĥio kaj Uzbekio. La prezidantoj de la koncernaj landaj asocioj raportas jen pri relativa stabileco (el Prago), jen pri skuaj ŝanĝiĝoj (el Taŝkento). El Pollando, Jan Książek provas respondi la demandon: kiel rekonkeri la "konsumantojn de niaj servoj"?**

Ankaŭ Ĉeĥa E-Asocio apartenas al tiuj landaj asocioj de eks-komunismaj landoj kiuj devas labori en novaj politikaj kaj ekonomiaj cirkonstancoj, tiom ŝanĝiĝintaj post la velura revolucio de Ĉeĥoslovakio novembre de 1989. La dua historia evento en tiu ĉi lando – disdivido de la ŝtato en Ĉeĥan kaj Slovakan Respublikojn – neniel grave influis la movadon. Oni rememorigu ke en la iama Ĉeĥoslovakio ekzistis du memstaraj – kaj bone kunlaborantaj – E-asocioj jam de post 1968, kiel certa sekvo de la "Praga printempo". Ambaŭ organizoj (Ĉeĥa resp. Slovakia E-Asocio) membris en UEA.

Se rerigardi la pozitivaĵojn de ĈEA en la lastaj kvar postrevoluciaj jaroj, videblas ke la asocio ne perdis agadkapablon. Okazis jam du landaj kongresoj, en 1990 kaj 1993 – la dua kiel komuna ĉeĥa-germana kongreso. Ambaŭ landaj kongresoj diskutis, kaj fine akceptis, novan statuton de la asocio, kiu pli liberigas la lokajn klubojn de la devoj direkte al la centro, tamen sen minaci la unuecon de la asocio. Por ambaŭ funkciperiodoj, la komitatanoj estis elektitaj sen grandaj personaj ŝanĝoj – do, la membraro taksas bona kaj akceptas la gvidantan kolektivon. La asocia sidejo en Prago ne ŝanĝis sian lokon, malgraŭ konstantaj problemoj: rapide altiĝanta lupago, intereso de komercistoj pri la ejoj en tiu tre loga urboparto ktp.

Al la pozitivaĵoj ni alkalkulu la sukceson de la strebo teni la movadon unueca. Ĝuste ĉirkaŭ la jaro 1990 aperis kelkaj ideoj dispartigi la movadon kaj fondi novajn asociojn. Sed tiuj fine ne trovis fekundan grundon, ĉar oni venis al la konvinko ke al la publika opinio pli efikas, kaj por membroj pli valoras, unu relative forta kaj bone organizita asocio ol kelkaj malgrandaj komunumoj apenaŭ kapablaj organizi gravajn agadojn kaj kampanjojn.

### Serĉi novajn fontojn kaj fortojn

Sed mi ne prisilentu la negativaĵojn. Konstanta baraktado inter financaj problemoj kondukis al limigo de la iam vigla eldon-agado, kaj al sinsekva maldungado de profesiuloj en la asocia oficejo – ĝis la nuntempa nula stato. Tio, kompreneble, pli ŝarĝas la komitatanojn, kiuj vole-nevole devas transpreni kaj dividi inter si la taskojn de la oficistaro. Plue, la nuntempa soifo de la publiko pri lingvoj, speciale la angla, kaŭzas perdon de intereso pri Esperanto, kaj sekve perdon de membroj: ilia nombro malkreskis,

# Uzbekio: Kabei aŭ komerci

La ekonomia krizo kaj disfalo de Sovetunio negative efikis je la stato de Esperanto en Uzbekio. Preskaŭ ĉiuj aktivuloj kabeis, ĉesis la kurso de Esperanto en *Sovetia Uzbekistano*.

En tiu situacio deko da personoj (ne nur e-istoj) fondis en julio 1992 landan asocion UzEA, kiu ĝis nun ne povas aranĝi juran registriĝon. Preskaŭ samtempe fondiĝis kompanio *Verda Stelo* por utiligo de Esperanto en komerco, perado kaj kulturo. *Verda Stelo* establis pere de Esperanto bonajn kontaktojn kun ĉinoj kaj nun ĝi planas malfermi ĉin-varan vendejon en Taŝkento. Baldaŭ produktiĝos alumet-skatoloj kun la simbolo de Esperanto.

Ĉiudimanĉe en la Domo de Sciencistoj okazas kunvenoj de la Taŝkenta klubo, prezidata de Eŭgeno Perevertajlo, kiu instruas Esperanton en du Taŝkentaj lernejoj. Ankoraŭ unu klubo funkcias en Samarkando



*En la metiejo de la Samarkanda Muzeo de Paco kaj Solidareco*

surbaze de la Muzeo de Paco kaj Solidareco, ambaŭ gvidataj de Anatolo Ionesov. Individuaj e-istoj troviĝas en Ĉirĉik, Jangiur, Navoi (la urba klubo ne plu funkcias) kaj aliloke. Oni finpretigas lernolibron de Esperanto por uzbekoj. La Taŝkenta ensemblo *Sajohat* (Vojaĝo) kantas en pluraj orientaj lingvoj kaj en Esperanto.

Malgraŭ ĉio ni esperas.


**Gafurĵan Mirzabajev**
**Prezidanto de UzEA**
**Direktoro de *Verda Stelo***
**ul. Klari Cetkin 6, kv. 50**
**UZ-700060 Taŝkent**

de la antaŭrevolucia maksimumo de pli ol 3 000, al iom pli ol unu milo. Krome, la necesa altigo de membrokotizoj akcelas tiun perdon kaj malhelpas atingi la bezonatan financan gajnon. La komitato do devas intense serĉi novajn fontojn de monrimedoj kaj de fortoj, novajn agad-metodojn – por kio ĝi montras sufiĉajn intencon kaj klopodon.

Fenomeno nova en Ĉeĥio: establiĝis kelkaj memstaraj, privataj entreprenoj, kiuj komencis agi laŭ komercaj principoj en kaj por la e-ista publiko: kooperativo Interhelpo, agentejo Tilio, Kava-Pech kaj pluaj. Iliaj posedantoj estis aŭ estas funkciuloj de ĈEA, kaj bone konas sian celatan klientaron. Ili pli-malpli kunlaboras kun la asocio, kaj dum komunaj traktadoj oni serĉas la eblojn de ambaŭflankaj utilo kaj kunlaboro. Mi forte kredas ke tiu kunekzisto – se tiuj privatuloj estos komerce sukcesaj – bone efikos al plua disvastigo de la movado en Ĉeĥio, samkiel al plia stabileco de la asocio.

**Vlastimil Kočvara**
**Prezidanto de ĈEA**

# Bulgario: Lumetoj en nebulo

Pasintjare Bulgario reokupis gravan lokon sur la Esperanta mondmapo: Internacia Junulara Kongreso en Vraca, SAT-kongreso en Kazanlak . . . Sed en la asocia organo *Bulgara E-isto* ni ne povis legi pri tiuj aranĝoj, ĉar la revuo simple ne aperis – fine, komence de marto, atingis nin la duoblaj n-roj 9-10 kaj 11-12/1993. Ilin redaktis Kiril Velkov kaj Ljubomir Trifonĉovski, kun kiuj la revuo migris el Sofio al Vraca (p.k. 26, BG-3000 Vraca, faks. +359/92/24-408). Ĉefartikolo de Velkov (estrarano de Bulgara E-Asocio) raportas ke la neaperadon kaŭzis konflikto inter BEA kaj la presinto de la revuo, firmao Pres-Esperanto – kiun BEA fondis en 1990 ĝuste kun la celo subvencii la E-agadon per ties profito. Laŭ la planoj eldoniĝos nur 6 numeroj de *BE* en 1994, sed la mankantaj n-roj 6-8/1993 ja aperos ĝis aprilo. Velkov kaj Trifonĉovski nun ankaŭ dissendas monatan bultenon por interna informado, *La Letero*.

Dum la 44-a kongreso de BEA en Razgrad (4-5 sept. 1993) oni konstatis ke la membraro reduktiĝis al ĉ. 1800 (de pli ol 5000 en 1990), "precipe pro la necerteco, senlaboreco, inflacio. La reproprietigo igis preskaŭ ĉiujn societojn perdi siajn kunvenejojn." (*BE*) Tamen la agado de la Esperantaj Kulturdomoj en Razgrad, Stara Zagora, Plovdiv kaj Sofio, de Bulgara Esperanto-Teatro, Sofia Esperanto-Ĥoro kaj Literatura Rondo A. Grigorov "estis tiuj lumetoj, kiuj ne permesas al la pesimistoj diri, ke E-o en Bulgario ne plu vivas".

Daŭre okazas universitat-nivelaj kursoj en Sofia kaj Vraca, prepariĝas tiaj en Veliko Tarnovo kaj Ŝumen. BEA aĉetis antaŭ kelkaj monatoj triĉambran apartamenton, kiu servos kiel asocia sidejo, biblioteko kaj muzeo: str. Pirotska 18, etaĝo 2-a. Ne plu validas la ĝisnuna adreso ĉe bul. Ĥristov Botev. 97, sed la poŝta adreso restas kiel antaŭe: p.k. 66, BG-1000 Sofio.

# Ni praktike uzu Esperanton!

En la novembra *Esperanto* (p. 185) mi tralegis la interesan artikolon "Pollando: La esperiga kolapso" de Tyburcjusz Tyblewski. Lia analizo estas profunda, sociologia, kaj priskribas tion kio dolorigas multajn aktivulojn en Pollando. Permesu al mi kompletigi tiun ĉi analizon per rimarkoj de "provinca aganto".

En la lastaj jaroj la "konsumantoj" de niaj servoj preskaŭ malaperis – ne nur pro manko de mono, ĉar ne ĉiam temas pri altaj elspezoj. Homoj simple *ĉesas interesiĝi* pri la Internacia Lingvo. Idealistoj, la plej imunaj kontraŭ atakoj de la elreviga viruso, ne sufiĉas por vivteni la tutan E-movadon en nia lando. Do, gravas ke *E-o estu praktike alloga kaj interesa okupiĝo por multaj homoj*. Kiam tio okazos? Se E-o

1. *helpos trovi laboron ĉu enlande, ĉu eksterlande.* Ĉu tiu ĉi estas hontinda temo, ĉu ni ne povus pli larĝe kunlabori sur tiu ĉi kampo?

2. *ebligos gajni monon, ekz. per komercado.* Iam en Pollando floris "internacia komercado" danke al E-ekskursoj, kaj floris ankaŭ kursoj de E-o, ĉar kutime almenaŭ partopreno en kurso estis kondiĉo por vojaĝi eksterlanden. Hodiaŭ multegas turismaj agentejoj, kaj ĉio estas aĉetebla en Pollando.

*"Idealistoj, la plej imunaj kontraŭ atakoj de la elreviga viruso, ne sufiĉas por vivteni la movadon."*

Nuntempe la komerca branĉo de E-aktivado disvolviĝas, aperas tiucelaj revuoj, kiel *Monda merkato* aŭ *Mono*. Ni, E-agantoj, ĝoju se iu en nia ĉirkaŭaĵo deziras perlabori monon danke al IL, kaj helpu, kondiĉe ke li agas honeste!

3. *ebligos al homo solvi la dolorigan problemon de soleco.* Niaj servoj en tiu branĉo povas esti diversaj: de klubejaj kunvenoj, kie multaj homoj povas renkontiĝi por interparoli pri siaj problemoj, tra korespondado kun leteramikoj, ĝis la plej alta formo de proksimiĝo de du homoj: geedziĝo.

Ni do organizu klubkunvenojn interesajn, ni kreu specialan etoson, kafejan klubdekoron, por ke la homoj bone sentu sin en la E-societo. Ni organizu balojn, lingvajn ludojn, ni fondu geedziĝajn buroojn. Eble ni sukcesos feliĉigi iun homon, kaj ĉiam bona ekzemplo impresas pli forte ol longa, enuiga propagando!

4. *helpos satigi iun artan, intelektan aŭ profesian bezonon.* Por diversaj pritemaj kontaktoj servas E-gazetoj, sed ankaŭ la delegita reto de UEA, kaj diversaj fakaj E-organizaĵoj. Tamen esti membro de UEA signifas por orient- kaj mez-eŭropano pagi tre altan kotizon!

Kion ni ankoraŭ povus fari por turni la atenton de homoj, precipe

de junuloj, al nia kara lingvo? Mi opinias ke nun estas bezonata iu *forta impulso*, eble ĉi-foje iranta "de supre". Oni devas konvinki la homojn ke io grava okazis, kio donas la esperon ke okupiĝo pri IL longdistance ne estos perdo de tempo. Homoj ekaŭdu pri iuj gravaj paŝoj, decidoj, aplikoj de E-o.

El nia filio de Pola E-Asocio (en Piotrków Trybunalski) iris postulo al la pola ŝtata satelita televid-programo TV Polonia ke oni enkonduku tie E-lingvajn resumojn (tagajn aŭ semajnajn) pri la plej gravaj okazintaĵoj en Pollando. Ĉar la programo reprezentas ŝtatajn aferojn kaj realigas naciajn celojn, bone estus — ni argumentis — ke ĝi trovu spektantojn en kiel eble plej multe da landoj. Utilus ke ankaŭ el eksterlando venu al TV Polonia petoj pri E-lingva "fenestreto". Bonvolu skribi al: Dyrektor Programu Satelitarnego, TV Polonia, ul. Woronicza 17, PL-00-950 Warszawa.

Aliflanke, ankaŭ mi dezirus rigardi E-lingvajn erojn de aliaj eŭropaj satelitprogramoj. Ĉu ne estus utile kolekti kaj publikigi la adresojn de ĉiuj tiaj naciaj (nekomercaj) programoj, por ke e-istoj kaj E-organizaĵoj povu amase sendadi al ili petojn pri funkciigo de informaj "fenestretoj" en IL? Ĉu ni kaŭzos tiamaniere iun "esperigan impulson" por ekmovi indiferentajn sociojn? Tutcerte ni ne restu "en stato de atendo", kiel prave rimarkis Tyblewski.

**Jan Książek**
**ul. Paderewskiego 6 m 2**
**PL-97-300 Piotrków Trybunalski**

*Nodoj de nia historio:*

# Himno

En 1884 okazis la unua kongreso de la internacilingva movado en Friedrichshafen (ŝtato Badenlando, Germanio). La aranĝo komenciĝis per prezentado de la Volapuk-himno, verkita de jezuita studento Franz Zorell, komponita de Johann Martin Schleyer. La paroka koruso de Friedrichschafen prezentis tion la 26-an de aŭgusto 1884.

Du jarojn post la tria kaj lasta volapukista kongreso, en 1891, Claes A. Adelsköld faris muzikon al "La espero" de Zamenhof, dediĉante ĝin al la Kongreso de la Paco en Romo. Tiun komponaĵon oni prezentis en la solena koncerto de la unua internacia kongreso de la esperantistoj, la 6-an de aŭgusto 1905. Por tiu poemo aperis ankaŭ aliaj melodioj, kaj baldaŭ la pli facile kantebla komponaĵo de Félicien Menu de Ménil iom post iom eliminis la melodion de Adelsköld, kaj iĝis konata kiel la himno esperantista.

En multaj jardekoj laŭ la melodio de Menu de Ménil oni kantis almenaŭ la unuajn versojn de la poemo "La espero" en la universalaj kaj aliaj kongresoj, renkontiĝoj, festoj, kaj la publiko stare aŭskultis ĝin aŭ ankaŭ mem kantis. Sed ne malmultaj kontraŭis la ekziston de himno por la movado, precipe tial ĉar al la ekstero tiu himnokantado donis sektecan aspekton al la movado. Pli malfrue, kiam la patoso iel "eksmodiĝis" en ĉiu sfero de la vivo kaj restis hejma nur en teatra scenejo, la kantado patosa iĝis ĝena por pli kaj pli multaj esperantistoj. Ankaŭ la naiveco de la enhavo ĝenis multajn.



*"... kaj la publiko stare aŭskultis ĝin ..."*

Malgraŭ tiuj problemoj "La espero" sufiĉe bone tenis sin dum multaj jardekoj, kaj ĝi aperis plurfoje sur diskoj. Nur ekde la sepdekaj ĝia kantado por pli kaj pli vastaj esperantistaj tavoloj iĝis ĝena, kaj — precipe ekde la okdekaj — jam en tre multaj esperantistaj renkontiĝoj oni intence forlasis ĝian tradician kantadon, je indigno de aliaj, inter kiuj estis ankaŭ inklinantoj al sekteco, patoso kaj mistiko — sed ankaŭ simplaj muzikŝatantoj ...

Al la problemo de la himno apartenas la fakto ke la poemo "La espero" ne estas tre bona (por ne diri ke ĝi estas kiĉa). Eĉ Zamenhof sentis ĝiajn mankojn. Li pli ŝatis "La vojo" ol "La espero", sed malgraŭ lia peto neniu komponis muzikon al la unua. (Ne tiu estis la sola kazo en kiu Zamenhof montriĝis pli klarvida ol liaj samtempuloj.) Post jardekoj ankaŭ la esperantistaro pli ekŝatis "La vojo" ol "la himnon". Kelkaj nomis ĝin "la dua himno de Esperantio". (Aliaj "la dua oficiala himno" — ili malpravas, ĉar nek ĝi, nek la unua estis oficiala.)

"La vojo" iĝis la plej ofte citata poemo de Zamenhof; kelkaj ĝiaj linioj jam estas kvazaŭ proverboj. Ĉu iu komponos popularan muzikon por "La vojo" kaj ĝi estos la himno esperantista, laŭ la rekomendo de Zamenhof?

En la lasta jardeko okazis multaj aliaj provoj por pli bona himno, sed neniu el ili vere sukcesis. Lastfoje tio okazis en Bergeno en 1991, kie la kongresanoj aŭdis la muzikaĵon "La plenumo" de Crawford Gates kun la teksto de William Auld. Ĉu la naŭdekaj jaroj alportos surprizon?

**Árpád Rátkai (Hungario)**

# Reagoj



## Pri lingvoj

### Flandra dolĉeco

Dank' al Esperanto mi estas duono de internacia paro kaj mi loĝas iom for de la regiono kie mi naskiĝis: Flandrio. Tial mi ne konas la meritojn de la estimata Geert Vanhecke, kiu certe rajtas nomi sian gepatran lingvon "ne-flandra" (dec., p. 211); tamen lia duba aserto ke "la flandra estas nur miksaĵo de kelkaj dialektoj de la nederlanda" signifas sufiĉe akran diskriminacion por ambaŭ lingvoj.

Eble sufiĉas mencii ke pluraj flandraj aŭtoroj verkis romanojn kaj poemojn en komprenebla kaj ŝatata dialekto, kaj ne estas escepto ke ili havas bonan reputacion, ankaŭ en eksterlando. Unu el la plej bonaj ekzemploj, Guido Gezelle, skribis i.a.:

*De Vlaamse taal is wonderzoet,*
*voor wie haar geen geweld en doet!"*

("La flandra lingvo estas eksterordinare dolĉa, por tiuj kiuj ne perfortas ĝin.")

Constant Borremans (Germanio)

### Ĉina tutmondeco

Post interesa konstato, "ke la konkuron de la grandaj naciaj lingvoj en la internaciaj rilatoj gajnis la angla", s-ano Olev Kingsepp (dec., p. 211) konfesas ke "ekzistas milionoj kiuj ne deziras aŭ ne kapablas ĝin ellerni". La vorto "milionoj" estas erara: temas pri "miliardoj". Laŭ la lasta numero de la anglalingva *Monda Almanako kaj Faktlibro*, ĉiujare eldonata en Usono, el la 5,5 miliardoj da homoj en la mondo, proksimume kvin miliardoj ne scipovas la anglan. Oni povas tamen supozi ke, se ni difinus *scipovi* por inkludi ĉiujn kiuj povas nombri ĝis dek en la angla, diri *yes, no, thank you* kaj *dollars* ["jes; ne; dankon; dolaroj"], la nombro de nescipovantoj ŝrumpus ĝis kvar miliardoj.

S-ano Kingsepp ankaŭ proponas ke en la 21-a jarcento ekzistu du paralelaj oficialaj internaciaj lingvoj: la angla kaj Esperanto. La ideon mi trovas interesa, sed mi rekomendas ke temu pri la ĉina kaj Esperanto, ĉar la ĉina estas ne nur la plej parolata lingvo en la mondo (de miliardo da homoj), sed ankaŭ la plej vaste parolata: ĉie en la mondo oni povas trovi parolantojn de la ĉina lingvo (kutime denaskajn) — ankaŭ tra tuta Usono, la nuntempa ĉefhejmo de la angla lingvo.

Donald J. Harlow (Usono)

### Latinidaj novismoj

En sia recenzo pri la emocia *Rakontoj pri Sarajeva sieĝo* (okt., p. 174), Stefan Maul kritikas la malbelan neologismon *snajpero* kaj miras ke oni ne uzis "la simplan kaj trafan E-formon *kaŝpafisto*". Simile, mi antaŭ nelonge renkontis la malagrablan vorton *lizingo*, anstataŭ kiu Ian Jackson proponas la klaran kaj elegantan *lufinanco*.

Tiuj du ekzemploj memorigas min pri artikolo de Fernando de Diego (1992, p. 70), kiu ŝatus enkonduki multajn novajn vortojn senkonsidere al la taŭgeco kaj uzateco de la jam ekzistantaj, ĉefe — laŭ mia impreso — por ke niaj vortaroj povu volume rivali kun nacilingvaj vortaroj. Lia disĉiplo, Miguel Fernández, kiu eĉ en mallongan ordinaran prozteksto enigas superfluajn novismojn (dec. 1993, p. 212), nomas kokin-cerbuloj ĉiujn kiuj kritikas lian emon kompliki nian lingvon (apr. 1993, p. 69). Ĉu niaj du aŭtoroj ne konscias ke ekzistas multegaj e-istoj kiuj simple ne komprenas la latinidajn novismojn kiujn ili volas senzorge altrudi? Mi ofte suspektas ke ĝuste tial ĉar la lingvoj latindevenaj ne posedas same evoluintan kunmetan kaj derivan vortsistemon, povas kelkfoje esti malfacile por latinid-lingvanoj plene taksi la unikan valoron de la E-a vortformado.

Nia lingvo celas ebligi rektan komunikadon inter la anoj de la plej malsamaj lingvofamilioj. Kiel prave kaj modeste pledas Liu Xiaojun el Ĉinio (1992, p. 71): "Ni restigu Esperanton esperanteca".

Eskil Svane (Francio)

### Latina snobismo

Ĝis la fino de la 19-a jarcento supera edukado en Eŭropo grandaparte inkluzivis studon de la latina, tial uzo de latinidaj vortoj iuloke akiris prestiĝon. Tamen la forto de la angla lingvo ŝuldas multon al la fakto ke la angla forskuis la dependon de latino kaj estas miksdevena lingvo preta preni novajn formojn ne nur el diversaj fontoj sed ankaŭ el propraj kombinaĵoj.

En Esperanto la senbezonaj neologismoj enkondukataj de literaturaj snoboj estas preskaŭ ĉiam latinidaj. Ni devas decidi ĉu ni deziras tutmondan helplingvon aŭ nur (okcident-)eŭropan. Mi preferas tutmondan. La kulturaj imperiistoj povas elfosi Novial aŭ Occidental.

Rik Dalton (Britio)

### Plendo al la E-gazetaro

Mia denaska lingvo estas la hispana. Dum 50 jaroj mi neniam aŭdis aŭ legis, krom en fakaj eldonaĵoj, pri perfektigo, modernigo aŭ reformado de tiu malnova lingvo, kiun mi konsideras neperfekta, malmoderna kaj reforminda, krome malfacila — same kiel la ceteraj naciaj lingvoj.

Mi esperantiĝis antaŭ 10 jaroj. En tiu mallonga periodo mi konstatis ke en nia E-gazetaro svarmas artikoloj pri plibonigo, perfektigo, modernigo, ĉiaspecaj proponoj reformi Esperanton, kiu mil fojojn pruvis sian taŭgecon.

Ŝajnas ke la unua regulo de la lingvo Esperanto tekstas:

*Ĉiu E-redaktoro estas devigata nepre enmeti rubrikon pri lingvaj demandoj en ĉiu numero.*

Tiu manio tedas kaj ĝenas la malnovulojn, kaj timigas la novulojn. Ĉu ne estas pli racie ke tiom da papero, inko kaj homaj streboj oni uzu por pli utilaj ebloj? Ĉu la kompatindaj anoj de la E-komunumo ne rajtas uzi libere sian lingvon, same kiel kiu ajn gento uzas sian lingvon?

Jesús A. Castillo (Kubo)

# Recenzoj

## Unika urso

**Winnie-la-Pu.** A. A. Milne. El la angla trad. Ivy Kellerman Reed kaj Ralph A. Lewin. Red. Humphrey Tonkin. Roterdamo: UEA, 1992. Dua eldono. 12+164p. 20cm. Ilus. 27,00 gld.




Alan Alexander Milne (1882-1956), kiu multon bonan kontribuis al la lega vivo de infanoj, trafis unikan klavon kiam li verkis *Winnie-the-Pooh* (1926) pri la ludila urso de sia filo. Tiu libro iĝis klasikaĵo. Oni ĝin tradukis en multajn lingvojn. En la anglalingva mondo "ĉiuj" infanoj legas ĝin. Volante utiligi tiun fakton, oni prezentis ĉi tiun tradukon en formato taŭga por allogi anglalingvanojn al nia lingvo – ekipante la libron per Esperanto-prezenta antaŭparolo kaj Esperanta-angla glosaro. La mesaĝo al la varbotoj tekstas: Jen via bone konata, amata infanaĝa libro pri la kara urso; legu ĝin denove en aminda, nova lingvo! Vidante ke ĝi rebrilas en Esperanto, rimarku la rebriligan tradukpovon de ĉi tiu internacia proksimigilo de ĉiuj infanoj!

La provo estas siaspece tre sukcesa. Ĉi tiu traduko, kiun ni ŝuldas al la tiam jam 90-jara usona pioniro Ivy Reed kaj al la zorga polura laboro de Lewin kaj Tonkin, ne nur lingve kaj etose revivigas la zorge artitan naivon de la originalo, sed ankaŭ praktike montriĝis sukcesa laŭ la normoj de nia merkato: post dudek jaroj oni bezonis aperigi duan eldonon. (Limigis ĝian sukceson nur la konata dureco de la varba tero en landoj anglalingvaj.)

Sed kompreneble tiun ĉi tradukon ni ne povas lasi en la rolo de nura varbilo. Esperantistaj familioj jam de longe konas ĉi tiun verkon kiel nepran ingrediencon en la kuiro de verve verda infanaĝo; tiuj kiuj ial ĝin ankoraŭ ne trafis, bonvolu malkovri kio mankis al vi ĝis nun. Kaj mi volus nun fari ion pli ol rite diri ke profitos ankaŭ plenkreskaj legantoj, ĉar verkoj porinfanaj eterne refreŝigas. Necesas specifi ke la plenkreskuloj povas aliĝi al la unika kombino, en ĉi tiu libro, de la memkonscie ludema inventemo kun nekutime firma fido al la venkipovo de la naiva bonvolo. Ni povas tion niamaniere fari, ekzemple, enfokusigante la epizodon (p. 79-95) en kiu novaj enmigrintoj en la arbaron, patrino Kanga kaj fileto Ruo, unue diskriminaciiĝas sed sendolore kaj multride tuj akceptiĝas en la rondon de la arbaranoj. Tio estus tipe esperantisma, fremdo-bonveniga reliefigo de unu elemento kaj instigus – netimindan, partoprenindan – ridadon ĉe homoj kiel Frederick P. Crews, kiu en sia libro *The Pooh Perplex:*

## Kipling, kiel do?

**La krabo kiu ludis kun la maro.** Rudyard Kipling. El la angla trad. kaj ilus. Amri Wandel. Pisa: Edistudio, 1993. 28p. 21cm. 12,00 gld.

**Tiel do. Rakontoj por malgrandaj infanoj.** Rudyard Kipling. El la angla trad. Wouter F. Pilger. Lelystad: Vulpo-libroj, 1992. 64p. 21cm. Ilus. de la aŭtoro. 14,40 gld.

*La krabo kiu ludis kun la maro* estas unu el la famaj *Tiel do-rakontoj*, konataj sub sia angla nomo *Just So Stories*. *La krabo* estas je la unua rigardo sufiĉe kolora kaj bela libro, la kovrilo aspektas interesa kun desegnaĵoj de la tradukinto. Tamen, interne la samaj bildoj hantas la leganton, kaj la impreso iĝas pli kaj pli ke temas pri stereotipaĵoj kiuj ne tre kreas fantaziajn bildojn en la kapoj de la infanoj, al kiuj la libro estas celita. La bildoj frapas per sia usoneska televida stilo, kaj eble estas komence amuzaj por plenkreskulo, sed ne tre agrablas por infanoj. Por mi la plej abomeninda figuro estas la "avo-sorĉisto", kiu aspektas kiel *Uncle Sam* personigita.

La traduka lingvaĵo estas sufiĉe komplika kaj tute ne redonas la ĉarman lingvon de Kipling, kiu ja rakontas pli ol verkas beletron. Jen ŝajne la tradukisto provis verki pedagogie bonan libron, sed iel maltrafis per longegaj frazoj artefarite simpligitaj. Nenatureco frapas forte la



*"Jen la Parsio Pestalĝi' Pugalĝi' sidanta en sia palmo-arbo..."*
*(el* Tiel do*)*

*A Freshman Casebook* (New York: E. P. Dutton, 1965) satire verkis multajn tendencajn "interpretojn" de *Winnie-the-Pooh* el diversaj literaturkritikaj vidpunktoj. Alia ludebleco estus vidi en la esta naivo de Pu zenan aŭ taŭan (PIV-e *taoan*) orientecon, simile al la serioza provo de Benjamin Hoff (*The Tao of Pooh*, New York: E. P. Dutton, 1982), kaj do cerbumi ĉirkaŭ la tuŝpunktoj inter la orientaj kaj okcidentaj ideoj pri la ena paco kaj la plej bona vojo por lude (kaj do plej serioze) disponigi tiun pacon al ĉiuj infanoj, kaj al la infana animo de la ludemaj plenkreskuloj. Eble io elvenos el tiaj ludoj. Oni neniam scias kiam temas pri la zena urso!

Probal Daŝgupto (Bharato)

## Universala urso

Laŭ nova anglalingva libro, *The Brilliant Career of Winnie-the-Pooh* de Ann Thwaite, *Winnie-la-Pu* aperis ĝis nun en 31 lingvoj, aldone al la angla originalo. La vicon komencas latina versio, kiu aperis en 1960 en traduko de Alexander Lenard kun titolo *Winnie ille Pu* kaj estis tuja vendosukceso. La aliaj lingvoj en kiuj la verko aperis: afrikansa, bretona, bulgara, ĉeĥa, ĉina, dana, finna, franca, frisa, germana, greka, hebrea, hispana, hungara, islanda, itala, japana, kataluna, makedona, nederlanda, norvega, pola, portugala, rumana, serba, slovaka, slovena, sveda kaj taja.

# Laste aperis...



**Bildo de la mondo. Bild der Welt/ Obraz Świata.** Julia Pióro (1902-1988). Piastów: 1992. 48p. 21cm. 20 poemoj en 3 lingvoj. 4,80 gld.

**Bilingüismo, utopia ou antibabel.** José Passini (1926). Juiz de Fora/ Campinas: UFJF/Pontes, 1993. 154p. ISBN 85-85252-09-X. 21cm. En la portugala. Prezentado de Esperanto kiel ebla solvo por la problemo de monda interkomunikado. 22,50 gld.

**Blankaj mamoj de Bosilka.** Gane Todorovski (1929). El la makedona trad. Vera Čornij. Skopje: Makedona E-Ligo, 1992. 60p. 19cm. Reprezenta elekto el la poezia verkaro de la aŭtoro. 5,40 gld.

**Dek novaj kantoj.** Komp. kaj trad. Adolf Burkhardt. München: MAK, 1993. 14p. 21cm. La dek plej bonaj kantoj de la germanaj Eklezaj Tagoj (1993) en E-versio. 3,60 gld.

**El la historio de la Esperanto-movado en Berlin. Unua Parto 1903-1918.** Fritz Wollenberg (1948). Berlin: E-Ligo Berlin, 1993. 77p. 21cm. 12,90 gld.

**Eterna domo** (1987). Petre M. Andreevski (1945). El la makedona trad. Nevenka Tomiĉ. Skopje: Makedona E-Ligo, 1992. 46p. 20cm. 25 poemoj el la samtitola originalo. 5,10 gld.

**Etimologia vortaro de Esperanto. Volumo 3: K-M.** Ebbe Vilborg (1926). Malmö: ESE, 1993. 128p. ISBN 91 85288 21 7. 24cm. Daŭrigo de tre klera kaj profunda prezento de la origino de la Esperantaj vortoj. 30,00 gld.

**Grande dicionário Esperanto-português** (1964). Ismael Gomes Braga (1891-1969). Rio de Janeiro: KKE, 1989 (2-a eld.). 576p. 21cm. Ĉ. 10 mil serĉvortoj. Kun 2100-vorta suplemento de Sylla Chaves kaj gramatika skizo. 49,50 gld.

**Kastelo de la rozo.** Radovan Pavlovski (1937). El la makedona trad. Nevenka Tomiĉ. Skopje: Makedona E-Ligo, 1991. 42p. 20cm. 28 amlirikaĵoj kaj aliaj poemoj. 5,10 gld.

**Komprenit an esperanteg! Komprenu Esperanton!** Merwen Runpaot (1915). Lesneven: Hor Yezh, 1993. 208p. ISSN 0769-0088. 24cm. Lernolibro en la bretona. 35,70 gld.

**Ljusjka Benc.** Viktor Sapoĵnikov (1953). Jekaterinburg: Sezonoj, 1992. 74p. 21cm. Noveloj kaj humuraĵoj kolektitaj el la revuo *Sezonoj*. 12,00 gld.




**Nokto de parolo.** Petre Bakevski (1947). El la makedona trad. Nevenka Tomiĉ. Skopje: Makedona E-Ligo, 1993. 63p. 20cm. Parte dulingva poemaro. "Ideala sintezo de mitologio kaj historio kun eventoj aktualaj" (Z. Martinov). 5,40 gld.

**Suplemento 1989.** Sylla Chaves (1929). Brasília: BEL, 1989. 48p. 18cm. "Ĝisdatigo de la Esperanto-portugalaj vortaroj antaŭe eldonitaj". Ĉ. 1000 radikoj kaj ĉ. 1500 kunmetitaj vortoj. 5,10 gld.

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

okulon je legado, kaj mi sincere proponus reprilaboron de la lingvaĵo, se efektive la libro estas celata por infanoj de kvar ĝis dek jaroj.

La alia Kipling-traduko, *Tiel do*, siavice ne aspektas sur la kovrilo tre alloga – simpla kovrilo sen tro da pretendoj. Tamen la dramaj ilustraĵoj — fare de Kipling mem — ene malkovras tutan mondon novan, kun klarigoj kaj priskriboj ĝuste sufiĉaj por lasi al la infanoj mem elpensi pli. Jen la enhavo: kvin pecoj el tiu ĉarma kolekto de besto- kaj homrakontoj, en suka lingvaĵo Esperanta, kiu igas la tekston tre proksimi al la originala lingvaĵo.

La rakontoj redoniĝas vive kaj amuze, ludas per sonoj kaj majuskligoj (s'prize por plenkreskuloj, sed ĝuas la infanoj), kaj gustas ĉiel je Kipling-rakontoj. La detaloj estas ellaboritaj en Esperanto, min ekzemple tre agrable s'prizis la rakonto kiel alfabeto — Esperanta! — ekestis, kun ĉapeloj, tiel ke oni facile pensus ke la tuta rakonto originalas en Esperanto!

Fakte, tiu ĉi traduko estas rekomendita por infanoj kaj laŭtlegado, sed mi devas konfesi ke tiu ĉi granda infano tre ĝuis la libron.

Sabira Ståhlberg (Germanio)

# Loke  Fake

### Argentino: Esperantaj ferioj

Dum la feria monato januaro, la E-klubo de Venado Tuerto ĉiujare aranĝas intensan E-kurson. Delegito Enrique Kohei, kiu dum la pasintaj 8 jaroj instruis Cseh-metode ĉe Universitato de Rosario, ĉi-jare havis 26 gelernantojn, kiuj lernis ĉiutage horon kaj duono inter la 17-a kaj 28-a de januaro, per la sama metodo.

### Hungario: Dua diplomo en Szombathely

La 24-an de januaro sep studentoj (ĉiuj profesiaj pedagogoj) iĝis diplomitaj E-instruistoj ĉe la Pedagogia Altlernejo en Szombathely, post kvin semestroj da koresponda studado. (La ĉeesta E-fako de la altlernejo estis ĉesigita fine de 1992.) Dum la konsultiĝoj ili aŭdis prelegojn de Katalin Smidéliusz (la estrino de la E-fako), krome de Vilmos Benczik, Károly Fajszi, Ilona Koutny, Stefan MacGill, Herbert Mayer, Árpád Rátkai kaj Balázs Wacha. Se la novaj E-instruistoj utiligos sian duan diplomon, laŭ la hungaraj leĝoj ili ektroviĝos en la plej alta salajro-kategorio. (J. Németh)

### Kanado: Subtena societo

La estraro de Kanada E-Asocio antaŭ nelonge kreis novan societon de KEA-subtenantoj, la Societon OhUiginn (pron.: ohigin), memore je konata otavano, Lorcan OhUiginn. La unua membro de la societo estas la malavara donacinto Regnar Hansen.

La ĉiutaga telefona E-gazeto, "La Papago", havas novan numeron ĉe Kebekia E-Asocio: +1/514/272-01-51.



### Madagaskaro: Junularaj juvelŝtonoj

Bruno Randrianarivelo, juna sed jam multjara aktivulo (vd. la intervjuon kun li en *Esperanto*, okt. 1990), gvidas la 115-membran Junularan Esperantistan Organizon de Madagaskaro. En sia oficejo (vd. foton supre) li instruas JEOM-anojn pri mineral-tajlado, aktivado enspeziga por movadaj celoj. La membroj ofte ekskursas, piknikas. Randrianarivelo ŝatus ĝemeligi ilin kun klubo en alia lando kaj volonte vendus juvelŝtonojn kaj kvarcon eksterlanden: IVB 71 Ambohimiadana Sud, Ambohimanarina, MG-101 Antananarivo.

Dank' al streboj de Universala Kultura Servo (vd. jan., p. 18), fondiĝis la unua E-klubo ekster la ĉefurbo Antananarivo, en Mandritsara. Skribu kuraĝige al Club Espérantiste de Mandritsara, s-ro Tongamana, Surveillant Général au Lycée FJKM, B.P. 02, MG-415 Mandritsara.

### Aidoso: Kroata seminario

Kroata E-ista Junularo kunlaboras kun iniciata grupo kiu fondos societon kontraŭ aidoso. KEJ planas organizi seminarion pri AIDS en aŭtuno kaj ŝatus ricevi propagandmaterialon pri aidoso, preferinde porjunularan. Sendu al: Marija Beloŝević, Sveti duh 130, HR-41000 Zagreb, Kroatio.

### Botaniko: Por likenstudoj indas E-o

Pro la ofta bezono de esploristoj konsulti la E-lingvajn verkojn de G. Clauzade kaj C. Roux pri likenoj, la revuo de la itala likenologia asocio publikigis 20-paĝan vortaron E-italan de G. Caniglia. (*L'Esperanto*)

La junaj hispanaj likenologoj J. Blanco kaj T. Arteaga raportis en la revuo *Junge Wissenschaft/Young Researcher*: "Por identigi niajn specimenojn, ni devis uzi la lingvojn anglan, francan, germanan kaj — kion ni ne atendis — Esperanton." (W. Klag)

### Instruado: Sen trejnkursoj en 1994

En 1992 Internacia Ligo de E-istaj Instruistoj fiksis la celon disponigi 50 lokojn en porinstruistaj trejnkursoj en 1993, kaj 100 en 1994. En 1994 tamen ne okazos tiaj aranĝoj, ĉar la pasintjaraj tri kursoj altiris nur 27 homojn kaj estis deficitaj. Ankaŭ la administraj fortoj de ILEI kaj la disponeblaj subvencioj ne sufiĉas por organizi trejnkursojn.

Feliĉe, almenaŭ la jam tradicia (kaj jubilea, ĉar 10-a) Internacia Metodika Seminario disvolviĝos inter la 15-a kaj 20-a de julio en la estona ĉefurbo Tallinn. Temoj: "Spertoj pri intensaj lingvokursoj", "Pedagogia terminologio". Paralele okazos intensa paroliga kurso kaj UEA/ILEI-ekzamenoj. Kontaktu: D-ro Till Dahlenburg, Feldstr. 13, DE-19412 Brüel, Germanio; tel. +49/3/848-35-28.

### Numismatiko: Pri spesmiloj en Usono

Longa intervjuo kun ĉefdelegito William R. Harmon, numismato,

rezultigis artikolon pri E-rilataj moneroj en *World Coin News* (17 jan.), la ĉefa numismata gazeto en Nord-Ameriko. Redakcia artikolo en la sama numero komentas: "E-istoj kuraĝe portas la etikedon 'stranguloj'. La mondo estus pli bona loko se ni ĉiuj estus tiaj."

### Pacmovado: For nukleaĵojn

"Mi havas profundan konsciencan kredon ke nukleaj armiloj estas abomenaj kaj morale neĝustaj. Tial mi subtenas la iniciaton peti konsilan opinion de la Monda Kortumo pri la leĝeco de nukleaj armiloj." Tiun tekston oni sendu kun siaj nomo, adreso, subskribo kaj la dato, ĝis la fino de junio 1994, al Projekto Monda Kortumo (p.a. CPPNW, 170A Booth St., Ottawa Ont., Kanado K1R 7W1). La organizantoj de la kampanjo, kiu jam akiris subtenan rezolucion de Monda San-Organizo (branĉo de UN), supozas ke la Internacia Kortumo en Hago opinios la nukleajn armilojn kontraŭleĝaj, kio povus doni grandan puŝon al malarmado.

### Poezio: Desegnu simbolon

Poem-Domo de Esperanto, kiu kolektas poemojn en E-o aŭ tradukitajn el E-o, anoncas konkurson por desegni ĝian simbolon. La moto de PDE estas: "Kandelo, Floro kaj Papilio". El la konkursaĵoj ricevitaj ĝis fino de junio tri estos rekompencitaj per memordonacoj. Direktoro: A. Ebrahimi, P.O.B. 89165/656, Yazd, Irano. Tel. +98/351/32-503. Faks. /25-555.

# Persone

### Rey-Hudeček: Adiaŭo al IKS

La multflanka aktivulino Judita Rey-Hudeček ŝanĝis postenon: post 19 jaroj ĉe Internacia Kultura Servo en Zagrebo, ŝi eklaboris pri invalidoj. (*Letero el Zagrebo*)

### Rutelli: Roma urbestro

La itala verdula politikisto Francesco Rutelli, kiu en septembro 1992, je esperantista instigo, prezentis parlamentan demandon pri la lingva problemo, estis elektita urbestro de Romo la 5-an de decembro 1993. Lia venkita rivalo estis la novfaŝisto Gianfranco Fini. En okt. 1992 (p. 176) ni aperigis foton de Rutelli kun E-informfolio en la mano.

---

*Str-angulo:*

## Svedaj strangaĵoj

### Moj Kroppsmotor

(*Ho, mia kor'*)

par Lollo Dzamengoff

Moj kroppsmotor! Nix bum-bum in hectíqo,
Nunc ex moj brüst nix hüpfen au-dehors!
To keep balanĉo ist schon impractíqo,
Moj kroppsmotor!

Moj kroppsmotor! Nach period rabota
in high-noon nix por mé medalje d'or!?
Nunc basta! Un valium por nervoza,
Moj kroppsmotor!

In Transpiranto par **Martæng Vaïcherto**

### Pri kio temas?!?

Jam de pli ol 90 jaroj aperadas en Svedio la satira gazeto *Grönköpings Veckoblad* (La semajngazeto de Grönköping). Raportante pri la okazaĵoj en fikcia provinca urbeto, ĝi prezentas ĉiam amuzan karikaturon pri aktualaĵoj kaj fenomenoj en la sveda socio. En la novaĵnoticoj kaj artikoloj (redaktataj en karakterize bombasta stilo), la diversaj grönköpinganoj revenadas en ĉiam novaj situacioj kaj misaventuroj. Multaj el la figuroj en la daŭro de la jaroj akiris proverbecan konatecon ĉe la sveda publiko. Tio direblas ankaŭ pri Transpiranto, kreaĵo de "elementlernejestro Ludvig Hagwald" (aŭ kiel li mem transpirantigas sian nomon — "Ludoviko Hagvaldo"). La unua apero de tiu iom ekstravaganca interlingvo sur la paĝoj de *GV* estis en 1930, kio, certe ne pro hazardo, tempe koincidis kun relative forta ondo de priesperanta intereso en Svedio. . . .

La tradukoj de konataj svedaj versaĵoj tiom amuzis la legantojn ke en preskaŭ ĉiu numero de la gazeto daŭre aperas nova transpirantaĵo. Fakte Transpiranto estas unike sukcesa "planlingvo" en almenaŭ tiu rilato ke tre granda procento el la svedoj scias citi iun verson en ĝi!

**el *La Espero*, revuo de Sveda Esperanto-Federacio**




**desegno de Martin Wiese**
**(el *Kra! Krak!*, bulteno de la grupo La Ranetoj)**



# Nekrologoj

**Sune W. AHLM** (1912-1993), dumviva membro kaj delegito, mortis en Vänersborg (Svedio).

**Alfons J. BECKERS** (1908-1994) forpasis la 18-an de januaro en Heusden (Belgio). Li estis prezidanto (1945-65), honora prezidanto kaj estrarano de Internacia Katolika Unuiĝo E-ista, komitatano (1966-67) kaj fakdelegito pri katolikismo de UEA.

**Jim W. DEER** (1922-1994) mortis la 4-an de marto en Portland (OR, Usono). Tre aktiva en la usona E-movado, li rolis kiel fakdelegito pri humanismo pli ol 30 jarojn, LKK-estro de la 57-a UK en Portland (1972), komisiito por registrado de la konversacia lingvo kadre de la Magnetofona Servo de UEA (1972-79), kaj usona peranto de *Paco*.

**Vuk ECHTNER** (1905-1994) mortis fine de januaro en Domažlice (Ĉeĥio). Lerninte E-on 7-jara, li aktivis en la movado ekde 1920. En 1927 li kunorganizis la internacian konferencon "Paco per lernejo" en Prago. En la 30-aj jaroj li gvidis la junularan kaj lingvan komisionojn de la landa E-asocio. Post la dua mondmilito li instruis E-on en someraj E-tendaroj. Pro sia kunlaboro kun E-bahaanoj kaj kun UEA ("pro malamika agado") li estis enkarcerigita en 1956, kaj amnestiita nur en 1960.

Post junaĝa konatiĝo kun Eroŝenko, Echtner pleje aktivis en organizaĵoj por blinduloj. De 1930 li gvidis la Internacian Blindulaferan Informejon kaj Statistikejon, redaktis la brajlan E-revuon *Aŭroro* dum 47 jaroj (1928-1975), gvidis E-kursojn, pretigis brajlan E-ĉeĥan vortaron kaj transskribis por nevidantoj 52 lernolibrojn pri diversaj fremdlingvoj.

Echtner tradukis por *Ĉeĥoslovaka antologio* (1935) kaj kuneditoris *Historio de la E-movado en Ĉeĥoslovakio* (1983) de Stanislav Kamarýt.

Distingita per la plej alta honormedalo de la ĉeĥa blindularo, Echtner estis honora membro de Ĉeĥa E-Asocio, kiu lin proponis, en novembro 1993, por Honora Membreco en UEA.

**Winsome GREENHALGH**, tradukinto de poemoj por *Aŭstralia antologio* (1988), mortis la 20-an de oktobro en St. Lucia (Aŭstralio).

**Harry J. LEWIS** (1913-1993), dumviva membro kaj longtempa delegito en Halifax (Kanado), mortis la 11-an de novembro.



# Oficiala informilo

NOVJORKA OFICEJO DE UEA

PATRONOJ (minimume $100): Aŭstralio: Manly Esperanto Club. Germanio: Heinrich Nischwitz.

SUBTENANTOJ (minimume $25): Usono: Patricia J. Egan-Brownstone; R.P. Lynch.

AMIKOJ (minimume $10): Usono: Bruce Arne Sherwood; Francis Kasper; Ronald J. Glossop.

PATRONOJ DE TEJO 1994

Argentino: Atilio Orellana Rojas. Francio: Barbara Despiney; Pierre Guérout. Nederlando: W.F. Huppertz. Reunio: Pierre Lelièvre. Usono: D. Gary Grady; Rebecca Harris.

SOCIETO ZAMENHOF 1994

Francio: Pierre Guérout. Nederlando: P.H. Damsté; Simon P. Smits. Slovenio: Jožica Židanik. Svedio: Inga-Maj Lindkvist. Svislando: Furio Gabbrielli; S. Kaufmann; Elisabeth Lauper. Usono: Bruce Arne Sherwood; David Wolff; D. Gary Grady.

**DONACOJ 1994 (gld.)**
**ĝis la 28-a de februaro**

**Fondaĵo Afriko:** Italio: F. Carlucci 30,00. Sumo ĉi-jara 807,85.
**Fondaĵo Ameriko:** Anonime 100,00. Sumo ĉi-jara 100,00.
**Konto Ĉinio:** Nederlando: R. Moerbeek 100,00. Sumo ĉi-jara 100,00.
**Fondaĵo Canuto:** Francio: Y. Vierne 48,00. Japanio: (por aziaj e-istoj): Y. Aida 54,40; Y. Hotta 36,04; H. Hukumoto 90,10; K. Huzimaki 36,27; T. Huzisima 36,27; N. Inoue 36,04; T. Itabasi 36,27; K. Kai 72,54; K. Kubota 36,27; K. Matuura 36,04; Y. Mine 72,08; Y. Nakazima 36,04; T. Oohara 54,20; S. Oonisi 36,04; R. Samura 36,04; R. Sasaki 36,27; T. Sugano 90,67; T. Tadaisi 36,27; M. Takezaki 36,27; S. Yamakawa 36,27; S. Yamamoto 36,27; S. Yamazoe 90,68; Y. Yazaki 36,04. Svedio: E. Brenander 72,90. Sumo ĉi-jara 2208,31.
**Ĝenerala Kaso:** Germanio: V. Staničić 15,63. Italio: H. Spirat 14,23. Nederlando: R. Moerbeek 100,00. Svedio: R. Moln 48,60. Usono: D.C. Halley 196,43; A. Unterberg 98,21. Sumo ĉi-jara 2662,80.
**Konto Espero:** Britio: P. Danning 75,00; H. Walkey 31,35. Italio: F. Carlucci 30,00. Diversaj malgrandaj 17,22. Sumo ĉi-jara 589,23.
**Fondaĵo Grabowski** (en usonaj dolaroj): Hispanio: A. Goralski 400,00. Sumo ĉi-jara 400,00.

**Al ĉiuj tre koran dankon!** UEA

# Jen la ĉefverko!




**Pli ol 3200 eroj sur 160 paĝoj**

La katalogo estas sendita senpage al la regulaj klientoj de la Libroservo de UEA. Ĉiuj aliaj povas aĉeti ĝin por la prezo de 9 gld. Triona rabato ekde 3 ekz. Aldoniĝas 10% por sendokostoj (minimume 5 gld.) kaj por la klientoj en la Eŭropa Unio 6% por imposto.

## Ŝtelo-moneroj denove haveblaj!

*Universala Ligo transdonis komisie al UEA la tutan restantan stokon de la stelo-moneroj, tiel ke la unika kolekto de tiuj numismatikaĵoj estas denove aĉetebla.*




★ **Kompleto de stelo-moneroj.** Kvar moneroj de 1, 5, 10 kaj 25 steloj. Vidu apartajn priskribojn ĉi-sekve. **Prezo: 75 gld.**

★ **Monero de 1 stelo.** Bronza. Diametro 20mm., dikeco 1,5mm, pezo 3,4gr. Havebla nur en kompleto (vidu ĉi-supre).

★ **Monero de 5 steloj.** Latuna. Diametro 23,5mm., dikeco 1,7mm., pezo 5gr. **Prezo: 4,80 gld.**

★ **Monero de 10 steloj.** Kupronikela. Diametro 28mm., dikeco 2mm., pezo 9gr. **Prezo: 9,90 gld.**

★ **Monero de 25 steloj.** Arĝenta (90%). Diametro 38mm., dikeco 2,5mm., pezo 19gr. **Prezo: 60 gld.**

***Triona rabato ekde 3 ekz. de la sama monero aŭ de 3 kompletoj. Aldoniĝas 10% por afranko kaj (por klientoj el Eŭropa Unio) 17,5% por imposto. Mendu ĉe UEA!***

# Flugkaravanoj al Seulo

**Korean Air (KAL), oficiala flugkompanio de la 79-a UK,** faris al UEA proponon kun tre favoraj tarifoj por flugoj el preskaŭ kiu ajn eŭropa urbo al Seulo kaj reen. KAL estas unu el la 20 plej grandaj flugkompanioj en la mondo. Ĝi havas modernajn aviadilojn kaj altrangan servon. Libere komparu la ĉi-sekvajn prezojn kun ofertoj de aliaj kompanioj, kaj vi certe trovos nian proponon alloga.

AMSTERDAMO: La flugoj iras ĵaŭde kaj dimanĉe vespere (kiel preskaŭ ĉiuj aliaj KAL-flugoj el Eŭropo) je 21h30, por atingi Seulon la postan tagon je 17h20. **Prezo: 1980 gld.**

FRANKFURTO: Marde, ĵaŭde kaj sabate. **Prezo: 2095 gld.**

PARIZO: Lunde, merkrede, vendrede kaj dimanĉe. **Prezo: 2095 gld.**

LONDONO: Lunde, merkrede kaj sabate. **Prezo: 2095 gld.**

ROMO/ZURIKO: Merkrede, vendrede (nur el Zuriko) kaj sabate. **Prezo: 2095 gld.**

MOSKVO: Marde kaj dimanĉe. **Prezo: 2095 gld.**

EL ALIAJ URBOJ EN EU (Ateno, Bruselo, Barcelono/ Madrido, Dublino, Edinburgo, Kopenhago, Lisbono, Milano ktp) **tra Amsterdamo** (vd. supre): **Prezo: 2200 gld.** Tiu prezo inkuzivas du kunligajn flugojn al/de Amsterdamo per ajna alia flugkompanio! El la samaj urboj eblas flugi ankaŭ tra Frankfurto, Parizo, Londono, Romo, Zuriko kaj Moskvo. Prezo: 2320 gld. Ankaŭ tiu prezo inkluzivas du kunligajn flugojn de ajna alia flugkompanio.

ALIAJ EŬROPAJ URBOJ: Eblas flugi **tra Amsterdamo. Prezo: 2260 gld.** La prezo inkluzivas du kunligajn flugojn al/de Amsterdamo (ekz. el Budapeŝto, Helsinko, Oslo, Prago, Stokholmo, Varsovio, Vieno ktp). El la samaj urboj eblas flugi ankaŭ tra Frankfurto, Parizo, Londono, Romo, Zuriko kaj Moskvo. Prezo: 2380 gld. Ankaŭ tiu prezo inkluzivas du kunligajn flugojn.

Principe, necesas ekflugi de kaj reflugi al la sama eŭropa urbo. Tamen, tiurilataj esceptoj estas trakteblaj. Ne nepre necesas flugi grupe. Niaj tarifoj principe validas por ĉiuj KAL-flugoj en julio kaj aŭgusto.

PLUFLUGOJ EL SEULO AL JAPANIO (al kiu ajn el pli ol 10 japanaj urboj priservataj de KAL-flugoj) kaj reen eblas je konsterne malalta prezo de **nuraj 180 guldenoj.** Tamen, tiu prezo estas aplikebla nur al tiuj kiuj mendas unu el la longdistancaj KAL-flugoj el Eŭropo.

KIEL MENDI LA FLUGOJN? Jam aperis la Dua Bulteno de la 79-a UK en Seulo. Ĝi enhavas pliajn detalojn pri la flugoj kaj apartan flugmendilon. Se vi ankoraŭ ne aliĝis al la Kongreso kaj ŝatus havi tiujn detalojn, bv. skribi aŭ telefoni al la CO de UEA.

***Plej favorpreze al Seulo pere de UEA! Bonvenon al unu el niaj flugkaravanoj.***

**Noto:** UEA havas flugtarifojn de KAL ankaŭ el Aŭstralio (Sidnejo AUD 2022), Brazilo (San-Paŭlo USD 1537) kaj Kanado (Toronto CAD 1215; Vankuvero CAD 1080). Se vi trovas tiujn prezojn allogaj, bv. skribi al la CO de UEA.